# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — UNUA JARO — 9—10

ĈEFREDAKTORO: KOLOMANO KALOCSAY
REDAKTA KOMITATO: FERENC SZILÁGYI, LUDOVIKO TÁRKONY, GASTON WARINGHIEN
ĈEFKUNLABORANTO: JULIO BAGHY



REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Julio Baghy: **VIKTIMOJ* | | Elĉerpiĝis |
| K. Kalocsay: **LINGVO, STILO, FORMO* | | —.60 |
| K. Kalocsay: **STREĈITA KORDO* | | 1.20 |
| K. Kalocsay: **ETERNA BUKEDO* | | 2.40 |
| Madách—K. Kalocsay: *TRAGEDIO DE L' HOMO* | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: *INFERO* | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: *ARTHISTORIO I.* | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: **PARNASA GVIDLIBRO* | | 1.— |
| Bleier—Kőkény—Sirjaev: **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita | | Elĉerpiĝis |
| Nur la II-a vol. ilustrita | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): *DE PAĜO AL PAĜO* | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: *DEKDU POETOJ* | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* | | 1.40 |
| Jelušič—Rotkvič: *CEZARO* | | 2.70 |
| Kamaryt—Ginz: **ĈEĤOSLOVAKA ANTOLOGIO* | | 4.— |
| A. Munthe—Weleminsky: *ROMANO DE SAN MICHELE* | | 2.70 |
| E. Wiesenfeld: *VERKARO DE FEZ* | | 2.— |
| Van Loon—Saville: *RIGARDU LA TERON* | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) | | —.50 |
| A. Baur: *SVISA ANTOLOGIO* | 1.60 | 1.— |
| K. Kalocsay: *RIMPORTRETOJ* | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: *SORĈISTINO EL KASTILIO* | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: *PRI L' MODERNA ARTO* | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: *LA JUDA ŜTATO* | | —.90 |
| Adamson: *AULI* | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: *EL LA VERDA BIBLIO* | —.70 | —.40 |
| H. Seppik: *LA TUTA ESPERANTO* | | Elĉerpiĝis |
| EMBA: *MARIA KAJ LA GRUPO* | | 1.10 |
| Rilke—Münz: *LETEROJ AL JUNA POETO* | —.50 | |
| Jerome—Badash: *TRI HOMOJ EN BOATO* | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: *AMO DE TOOjUURO* | | —.40 |
| L. N. Newell: *BAKŜIŜ* | 1.70 | 1.20 |
| Goethe—Kalocsay: *ROMAJ ELEGIOJ* | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: *MIA SPEKTRO* | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via Ebristo.

# KIU DONIS, KIU RICEVIS?

FERENC SZILÁGYI

Onklo Johano, la maljuna maristo, nun gvidanto de luitaj velboatoj, malestime grumblis al la pala junulo, kiu senspire kaptadis en la boato la aeron.

— Nu, juna sinjoro, vi eble rakontos nun, ĉu Sankta Petro efektive havas tiel longan barbon, kiel sur la bildoj.

Li alrigardis la mevojn, kiuj krozis ĉirkaŭ la velboato kaj ŝmacigante sian malpuran pipon, aldonis:

— Kiu ne povas naĝi, tiu ne ŝercu kun la akvo.

Petro ne respondis. Li spiregis. La du ceteraj pasaĝeroj, Eŭgeno kaj Klara estis vere konsternitaj. Klara krom tio sentis sin ankaŭ kulpa pri la afero.

Speco de somera idilio nun preskaŭ havis tragedian finon.

Petro, tiu „juna sinjoro", estis malgrasa junulo, ĉirkaŭ dudekjara. Li ĵus saltis en la akvon, ĉar Klara . . .

Ne, tiel rapide tamen ne estas eble rakonti la aferon.

Antaŭ ĉio, ni prezentu tiun Petron. Li estas orfa kampulido, kiu la abiturientan ekzamenon akiris al si, dank' al hundmordo. La hundo nome apartenis al la bieninspektoro, kaj kiam la knabo poste montris sin inda por subteno, la maljuna instruisto de la vilaĝo povis emfaze rememorigi pri la akcidento. Ĉar la knabo ne liberiĝis de ties memoro. Li balbutis. Ne ofte li balbutis, sed neniam li povis sin tute savi de tiu difekto, kaŭzita de la teruriĝo. La subteno, kiun li ricevis dum la studjaroj, estis kolektiva: al ĝi kontribuis la inspektoro, la parlamenta deputito, la mezbienulo, kiu aspiris pri parlamentaneco, la pensiita juĝeja kontorestro kaj la komercisto, se — nenio intervenis. Sed, bedaŭrinde, ofte intervenis io: aŭ la inspektoro havis malbonŝancon en la kartludo, aŭ estis porkopesto ĉe la mezbienulo, aŭ la ankoraŭ galanta maljuna juĝeja kontorestro perdis en iu hotelo sian falsan denturon. Petro do lernis ŝtopi tiujn truojn per privata instruado kaj aliaj pli-malpli fantaziaj okazaj perlaboroj. Li iĝis „nekulo", kiel li nomis sian pozicion, nek vilaĝano, nek urbano, iaspeca ŝvebanta estaĵo inter urbo kaj vilaĝo, inter akceptita seriozulo en sia lernejklaso kaj izolulo en la eksterlerneja vivo.

Post la abiturienta ekzameno li venis ĉi tien, al tiu ĉi eleganta hotelo, kie li ricevis provizoran okupon kun modesta salajro, ĉambro kaj manĝo, kaj efektive kun malmulte da laboro. La sezono komenciĝis malbone, la vetero dum la tuta monato estis malbona. Dank' al tio li povis aranĝi siajn kontorhorojn frue antaŭtagmeze, poste li estis preskaŭ gasto. Lia balbuto provizis lin per porcio de komplekso, kiun ne povis kompensi la spertoj de la memstara laboro. Li elektis ĝis nun la izolecon preskaŭ mem, por eviti konfliktojn. Sed ĉi tie li ne povis mem direkti sian sintenon, ĉar pli forta individuo sentis la bezonon lin priuzi. Petro do havis societon en la banloko. La sole eblan societon: Eŭgenon kaj Klaran. Por kompletigi la skizan karakterizon de Petro ni aldonu ankoraŭ, ke lia ne-tute forigebla balbuto adeptigis lin al la vivregulo de lia maljuna instruisto:

— Antaŭ ol fari ion ĉu pro kolero, ĉu pro ĝojo, enpoŝigu vian manon kaj kalkulu ĝis dek.

Tiu „kalkulu ĝis dek" iĝis manio de Petro kaj supozeble li ne estus preskaŭ droninta en la granda lago, se la banvestoj havus poŝon. Sed antaŭ ol pri tio, oni devas paroli pri Eŭgeno. Kiel Eŭgeno venis al tiu loko, kie nur kelkaj maljunuloj sporadumis, oni ne povis scii. Sed ĉiuokaze li estis mem la vivo plej impertinenta, junulo akrevida, rapida, fripone agrabla, kiu nenie enuis kaj ĉie trovis siajn viktimojn, kiuj poste volonte kaj plezure lin servis — dum certa tempo. Poste oni rimarkis la senfundan egoismon de tiu ĉi juna multpromesulo. La molkora kelnerino donis sian ne tre malfacile akireblan favoron al li, kaj ankaŭ Petro baldaŭ venis en lian kortegon. Pri Klara estis iel alie, kaj ankaŭ tio kontribuis al la evoluo de la okazajoj.

Jes ja, Klara! Ŝi, Klara, estis ĉ. 16—17-jara knabino, filino de buĉisto. Unuavide ŝi vekis tiel malmulte la atento, ke la du junuloj ŝin simple trarigardis, sed en tia loko fine oni ja ne povas eviti la interkoniĝon.

Kaj post la interkoniĝo klariĝis pri Klara diversaj aferoj. Unue, ke ŝi estas brava, simpatia, kamaradeca knabino, kiu tre malofte havas kaprican humoron. Afekta ŝi tute ne estis. Petro malkovris ankaŭ tion, ke ankaŭ ŝi estas nekulo, kiu ne trovas sian lokon en la nova, pli bona ekonomia situacio. Ili estis antaŭe tute malriĉaj. La plej lasta surprizo, kiun Klara faris al la junuloj, estis ankoraŭ freŝa. La vetero antaŭ du tagoj ŝanĝiĝis, kaj kiam la suno englutis la plej nigrajn nubojn kaj kontente ridis sur la ĉielo, kaj kiam la unuan fojon la malmultnombraj bangastoj surprenis sian banveston kaj kun infana scivolo rigardis unu la alian en la nova aspekto, montriĝis, ke la neni-dira vizaĝo de Klara estis trompo, aŭ eble ia stranga ŝerco de la naturo. Tiu juna virinkorpo ja estis ornamita per ĉiuj misteraj kaj graciaj arkoj, kliniĝoj kaj linioj, per tia alabastra haŭto, per tia ekvilibro de la juneco, ke Eŭgeno tuj febre ŝanĝis sian strategion kaj komencis uzi ĉiujn rimedojn al si favorajn, ĉar en amo kaj milito ĉio estas permesata. Inter tiuj rimedoj estis unu, kiu tute eligis Petron el sia kutima malrapida trankvilo. Kaj tio estis, ke Eŭgeno komencis piketi Petron: ree kaj ree li „lumigis" tiujn malfortojn kaj difektojn, kiujn li akrevide malkovris ĉe sia nova amiko. Koncerne Petron, tio estis des pli grava kaj serioza, ĉar jam antaŭ ol Klara-Cindrulino iĝis Reĝidino, li estis tre proksima al enamiĝo, kaj la momento de tiu fea ŝanĝiĝo estis nur punkto post la frazo. La pikoj de Eŭgeno preskaŭ atingis sian celon: Petro ofendiĝis kaj retiriĝis kun sia ĉagreno kaj amo. Sed eĉ la plej lertaj strategoj faras erarojn kaj ofte ne multe zorgas pri psikologiaj nuancoj. Tiun eraron faris ankaŭ Hitler, sed tion ni lasu nun — cetere ĉe la komenco de tiu ĉi rakonto oni ankoraŭ pli multe aŭdis pri, ol spertis pro Hitler. Okazis do, ke en iu antaŭtagmezo, kiam Petro malfruis post unu el siaj ofendiĝoj kaj repaciĝoj, Eŭgeno iom tro rapidis per la ĝenerala atako kontraŭ la knabino, decidante: nun aŭ neniam. Li sukcesis kisi la knabinon, sed venki absolute ne. Li ne trafis ŝiajn lipojn en la ĝusta psikologia momento, indignigis ŝin, tiel ke dum la tuta tago ŝi estis kaprica kaj incitiĝema kontraŭ li, kaj — ĉar eĉ prudentaj knabinoj estas kelkfoje nelogikaj — ankaŭ kontraŭ la senkulpa Petro. Petro estis plena de suspekto, li konjektis, ke okazis io dum lia foresto, sed li ne sukcesis kaj eĉ ne kuraĝis diveni, kio okazis. Tamen ankaŭ li estis incitiĝema. La antaŭa kamarada rilato inter la tri gejunuloj estis plene venenita. Nu, ĉiuokaze ili triope sidiĝis en la antaŭe luitan velboaton, kaj tie okazis la kulmino de la dramo, kiu preskaŭ finiĝis per la „eliro de Petro".

Klara kun morda ironio incitis Eŭgenon salti en la akvon por floro, kiun ŝi faligis el sia hararo:

— Nu, Eŭgeno, vi estas vera kavaliro. Saltu.

— Kaj poste mi kantu serenadon, kiel trubaduro, sub via fenestro — diris kolere Eŭgeno. — Turnu vin al Petro, li estas perfekta trubaduro. El liaj buŝoj fluos mielaj vortoj.

Petro ruĝiĝis. La insida atako estis tre malica. Klara sentis tion, ĉar ankaŭ ŝi sciis, ke Petro kelkfoje balbutas. Ŝi volis defendi Petron, sed ĉi-foje malpli prudente, ol ni povus atendi de ŝi:

— Petro certe ne rikanus tiel malagrable, kiel vi. Kaj li saltus en la akvon, se mi dezirus. Ĉu ne, Petro?

Ĝis nun Petro ne havis okazon esti rolanto en kavalirdiskutoj. Sed ĝis nun Petro ĉiam estis pripensema junulo, kiu ne forgesis la averton de sia instruisto pri la manenpoŝiĝo kaj kalkulo ĝis dek. Tamen, kiel dirite, ĉi-foje eble ankaŭ tio havis influon, ke la bankostumoj ne havas poŝon. Ĉi-foje lin forlasis la kutima trankvilo kaj matura pripensemo. Senvorte li saltis en la akvon. Ke li ne estis sperta naĝanto, kaj ke oni sukcesis returni la velboaton nur momenton antaŭ la elĉerpiĝo de liaj fortoj, tio klariĝas jam el la antaŭe diritaj. Ĉiuokaze Petro ne povis kaj apenaŭ eĉ volis respondi al maljuna Johano pri la barbo de Sankta Petro.

Tio estis la lasta batalo inter la junaj militantoj. La ŝancoj de Petro iom altiĝis, sed Eŭgeno nun komencis agi verve kaj senlace. La situacio estis streĉe interesa al eksteruloj kaj ege turmenta al Petro. Sed la batalo ne decidiĝis. La buĉista familio ricevis telegramon de ie kaj la familio subite forvojaĝis.

# AL PEDIKO

## EKVIDITA SUR LA KUFO DE SINJORINO EN LA PREĜEJO

ROBERT BURNS

1 Ha, kien vi, rampulo fia?
Protektas vin aŭdaco via!
Ĉu marŝas vi kun paŝ' defia
sur ŝia kufo?
Sed estas nutro ja nenia
en tia ŝtofo!

2 Vi krabla monstro! kies suĉon
evitas ĉiu kvazaŭ buĉon!
Fi! kial serĉas vi rifuĝon
sur damo bela?
For! fiksu vian sangan buŝon
en korp' mizera!

3 En harotuf' de almozulo
vi krablu, rampu en cirkulo!
Kun fratpopolo de la pulo
vi pace svarmos;
kaj nek la ungo, nek kombilo
vin ekalarmos!

4 Nun trafis vi al labirinto:
jen, en la gazo kaŝu vin, do!
Ne! jam vi rampas el la vindo
kun cel' obstina:
al plej terura, supra pinto
de l' kuf' fraŭlina!

5 Kaj tie en aplomba pozo
vi sidas, grasa kiel groso.
Volonte per venena roso
mi vin aspergus!
Aŭ per pulvor' en forta dozo
vin tuj ekstermus!

6 Vi ne mirigus per pilgrimo
sur ŝalo de maljunulino,
aŭ eble sur ĉemizruino
de bub' sen kombo;
sed sur la kuf' de sinjorino —
Fi! ĉi aplombo!

7 Ho, Janjo, ne kaplevu pave,
ne ekrigardu tiel brave!
Vi ja ne scias, kiel grave
la monstro dikas!
Per tiuj gestoj vi maltrafe
vin rimarkigas.

8 Se povus ni, pro doto rara,
nin vidi per okul' najbara!
Pri multa iluzi' fatala
ĝi nin avertus.
Kiom da vanto, poz' banala,
ni bone perdus!

El la skota: *Reto Rossetti*

---

La somera idilio finiĝis. La du junuloj iom proksimiĝis unu al la alia, sed kun singardemo kaj rezervo de ĉiuj rajtoj.

II.

La somera idilio dronis en la tempoj. Petro estis juna, do ankoraŭ ne bezonis memorojn, kaj eĉ se memoroj kaj sopiroj restis el la idilio, subite la venko de la Absurdo katenis ĉies atenton. Tiuj tempoj venis, kiam la furiozo kaj la malamo iĝis religio, kaj kiam fantasmagorioj trovis profesorojn, kiuj de-sur katedroj lekciis pri la logiko de inkuboj. Bruega propagando tamburis tra Eŭropo.

Petro ne apartenis al la revoluciaj naturoj, kvankam li estis opoziciulo. Li tiriĝis al la puraj idealoj de la homa penso, sed lia sinteno ankoraŭ ne estis aktiva. La danĝero ankoraŭ ne atingis konkrete lian landon kaj fremdaj doloroj ne tuŝas la apetiton. Sed pasis semajnoj, poste nur tagoj, kaj oni subite rimarkis, ke la historio uzas la rapidon de modernaj komunikiloj. La Absurdo jam estis ĉe la limo de la lando. Oni forigis la danĝeron por la momento, sed la tuta socia vivo jam estis infektita de pereigaj bakterioj.

Iun tagon Petro renkontis Eŭgenon. Kia stranga taktiko kaj kia stranga kalkulado albordigis tiun ĉi facilmovan junulon ĝuste ĉe la sole ebla opozicia partio, tion ni ne esploru.

Sed fakte Eŭgeno agis inter la demokratianoj, kaj inter la junuloj li eĉ havis pozicion. Li estis iaspeca gvidanto de la junulara sekcio. Petro ekhontis pro sia pasiveco, vidante ke tiu junulo, kiun li rigardis speco de ventokoko, kondutas tiel kuraĝe. Nun ankaŭ li

devis montri aktivan volon. Kaj tiel li iĝis aktiva, sed ne tre rimarkita laborvermo de la sama sekcio. Li ricevis apartan ĉambron, kie li laboris de vespero al vespero post sia taga laboro. Estis ofte malespere, sed tamen fierige aparteni al tiu flanko, kiu perdis de tago al tago, sed kiu estis persista kaj nobla. La partio malkreskis. Propagando, minacoj kaj persekutoj forŝiris la membrojn. Petro persone persistis kaj eĉ povis raporti al si pri varbo. Kaj per tiu varbo li denove kreis al si insulon en la tempo.

Jam de monatoj li laboris, kiam li renkontis Klaran ĉe prelego de fama kaj netimigebla profesoro. Subite ekpurpuris la someraj memoroj. Klara estis tre afabla, Petro eĉ elokventa kaj baldaŭ ŝi aliĝis al la sama kultura sekcio de la partio. Tio signifas al ili ambaŭ ion eksterordinaran. Por li eĉ pli: Li trovis en la komuna laboro ne nur sin mem, sed ankaŭ ŝin.

Tiu idilio floris vere ĉe la erupcionta vulkano; ili ne sciis, kel minaca estas la erupcio. Kaj en la harmonian kaj malļaŭtan idilion rec Eŭgeno miksis la unuan disharmonian tonon. Ĝenerale vivis en la pli altaj sferoj kaj malofte vizitis la kontoran ĉambreton de Petro. Sed foje li aperis kaj gaje ekkriis:

— Klara!

Poste liaj vizitoj plioftiĝis. Petro komencis perdi sian ĉielan trankvilon, kaj kiam en sia kontorĉambro li maltrankviliĝis, subite konkretiĝis al li ankaŭ la eksteraj nuboj ĉe la horizonto. Li estis plena de angoro.

Tiel venis vintra vespero. Petro ĵus finis sian tagan laboron. Li intencis iri hejmen. La neĝo miksiĝis kun pluvo. Li enpensiĝis. Precize antaŭ li haltis aŭto. Li haltis por purigi sian surtuton, sur kiun koto ŝpruciĝis. Kaj tiam . . . li vidis, ke el la aŭto Eŭgeno elpaŝas tre singarde. Li ĉirkaŭrigardis kaj poste rapide iris en la pordegon de eleganta domo. Li ne vidis Petron, kiun la aŭto kaŝis. Petro volis lin saluti, sed la tuta sceno okazis tiel rapide, ke li ne havis tempon por tio. Nun la aŭto malaperis kaj en Petro vekiĝis suspekto. Sen hezito li eniris. Sed el la vestiblo la eniro ne estis ebla. Oni devis sonorigi ĉe la interna pordego. Entute estis du loĝejoj, du sonoriloj en la domo. Petro rigardis la du nomojn super la sonoriloj. Lia koro brue ekbatis. Unu el la nomoj estis tiu de la plej danĝera, plej furioza magnat-nacisto. Kaj nun li sentis kun plena certo, ke Eŭgeno estas provoka agento, spiono. Li ekscitiĝis tiel, ke li preskaŭ senspire kuris hejmen, etendis sin sur la sofo kaj cerbumadis. Ĉu li povis erari? Ne, tio ne estas ebla. La furiozo bolis en li. Li eksaltis, reekkuŝis, denove sidiĝis, fine post unuhora ekscitiĝo li saltleviĝis, rapide lavis sin kaj starante manĝis iom. Poste li ekrapidis al la klubo.

Estis ankoraŭ frue: oni ne vidis homojn en la koridoroj. Sed el lia laborĉambro li aŭdis du voĉojn, dum li demetis sian surtuton. Unu el ili estis tiu de Klara. La alia lin vere konsternis. Sed tio estas neebla. Tamen! Tio estis la voĉo de la perfidulo. La insida, rapida, flata voĉo de la perfidulo.

Estis fatale, ke en la konkludoj de la singarda Petro estis eraro. Almenaŭ iom da eraro. Eŭgeno fakte vizitis ne la politikan bandestron, sed la alian loĝanton de la domo. Eŭgeno havis preman ekonomian situacion, kaj iel li informiĝis, ke pere de tiu riĉa bienulo li povus mildigi la premon. Nur ĉe la pritraktoj li eksciis, ke la bienulo havas iun kontakton al la partio de la samdoma aristokrato, kaj ke la solvo de liaj ekonomiaj problemoj estas ligita kun lia aliĝo al la dekstruloj, kiuj volas kapti por sia patrio tiun elan. tamen bonan fiŝon. La bienulo komprenigis al li, ke li nepre devas ŝanĝi sian politikan sintenon.

Ĉio okazis inter amikaj formoj, sed oni sentis la pugnon en la manpreno. Eŭgeno konsterniĝis kaj ne respondis tuj.

Ĉiuokaze li returnis sin al la partiejo kaj tie li renkontis Klaran. Li estis malbonhumora, sed, kun tiu elasteco, kiu lin karakterizis, li tuj forjetis la preman humoron kaj serĉis al si forgesigon. Jam delonge ili ne parolis unu kun la alia, kaj en li revekiĝis la someraj horoj. Tiuj memoroj ŝajne tre spronis lin, ĉar kiam Petro alvenis, la dialogo en la ĉambro prenis draman evoluon.

— Sed kial ne, Klara? — aŭdis Petro

— Lasu min en paco, Eŭgeno, Eŭuuugeno — kriis Klara precize tiel, kiel ĉiu junulino kutimas krii en simila situacio. Sed, por Petro, Klara ne estis iu ajn junulino.

La kolero ekbolis en li, koncentriĝis en li

ĉiu amaro kaj li malfermis la pordon ŝire. Multe li jam ne vidis, sed la proksimo kaj la rigidiĝantaj movoj post la surprizo sufiĉis al li. Liaj duboj malaperis. Fripono, spiono, perfidulo estas tiu aĉulo, kiu nun volas malpurigi per sia tuŝo ankaŭ ŝin, Klaran. Li prenis longan spiron, ke nenio lin malhelpu ĉe la vortkomenco. Nenio povis lin malhelpi. Je plia malfeliĉo, unu el la sekretarioj venis en la ĉambron. El Petro eksplodis la furioze:

— V-v-vi mizera perfidulo, nacista dungito, kion vi kuraĝas? For de ĉi tie! Bandito, fripono . . .

Petro parolis per riĉa vortotrezoro, sen psika baro, kaj ankoraŭ multe da insultoj estus elfluintaj el lia fervora buŝo, se . . . Ĉar ŝajne la aliaj ĉeestantoj ŝtoniĝis.

Sed estis ja „se". Eŭĝeno subite elskuis sin el la surprizo. Li indigniĝis kaj furioziĝis. Li ne komprenis, kiel iu povas konjekti tiun nenion, kiu ĝis nun okazis. Ĉar ankoraŭ okazis nenio. Kaj tiu eta sceno ĉi tie, el tiu nur idioto povas fari scenon. Longe ne daŭris lia vekiĝo el la konsterniĝo, sed despli efike li prenis la iniciaton. Lia agemo kaj indigniĝo konkretiĝis en bone direktita, forta kaj senhezita, supereca, vire grava vangofrapo, kiu subite kaj abrupte nokaŭtis la vortofluon de la malfeliĉa Petro.

Petro sentis paŝeman svenon. La skandalo estis preta. Klara kaj la sekretario rapide kuris el la anguloj de la ĉambro por malhelpi la daŭrigon de la interbatiĝo. Sed pri tio ne temis. Petro perdis la certecon. Li ne vidis klare, kaj li ne trovis solvon. Subite kaj konfuze li enpoŝigis la manojn, kaj, eble plej malbonŝance en sia vivo, li kalkulis ĝis dek . . . Kiam li finis, la rivalo jam malaperis. Petro iĝis nokaŭtita ĉe sia propra asisto kaj elkalkulo. Eŭgeno kriis jam trans la pordo:

— Kampulaĉo! Nun mi devas uzi multe da sapo por purigi la manon.

III.

El la skandalo neniu rikoltis. Petro kondutis nepardoneble, kaj krom tio lia akuzo pruvis neniom. Tamen, Eŭgenon trafis la ombro de suspekto kaj lia pozicio ne estis konservebla. Ankaŭ en la kontraŭa flanko oni faligis lin: li estus bezonata nur kiel fortulo. Poste, ĉe la evoluo de la aferoj li ja re-

# PORTRETO

L. TÁRKONY

Memplaĉ' kaj stulta orgojlo sur la vizaĝo
brutas.
Parolo lia estas aŭ laŭta memadmiro,
aŭ galimatiaso de ŝvela nenidiro
aŭ flat' en kies mukon envio gala gutas.

Por li la amikeco estas sintrudo glua,
malbone kaŝa masko de l' intereso propra.
Sub lerte leka lango embuskas dento kobra
de aĉa kalumnio malnoble insinua.

La am' — senfantazia plezuro-aŭtomato
kaj la putranta marĉo de spritumad' obscena;
la kredo — nura formo, mortinta kaj mal-
plena,
kaj sur la dors' de aliaj klakanta vipo-bato.

Li sportas entuziasme, ĉar kun avid' volupta
li sportgazetojn legas, kaj inter ŝvita grego
li sidas plej pasie, kun hurla ekscitego
gapante pri vetludo piedpilka, boksa, lukta

Art' lia estas kino, kie ĝis larmo-melko
lin tuŝas historio trodolĉa kaj banala,
lia muzik' — siropo de falsaj larmoj sala,
lia literaturo amata estas sterko.

Kelkfoje enreviĝas ĉi tiu hom-animo,
l' okuloj senesprime, nebule ien gapas,
kaj lante, sinforgese li la orelojn skrapas.
Tiam li tre danĝeras! Rifuĝu de l' proksimo!

Ĉar marŝmuzik', komando, standardoj,
bombo-krevoj,
kadavro-piramido, la tuta gloro mita
de membroj baraktantaj, de karno ĉifonita,
de ŝpruca sango hantas en liaj rasaj revoj.

---

aperis inter la dekstremuloj, kiam tiuj okupis la poziciojn, sed li havis malaltan, senpolitikan funkcion. Ĝi rezultigis al li nur kelkmonatan karceron post la fino de la milito. Sed tio estis multe pli poste, kiam Petro estis en tute alia parto de la mondo. Ili ambaŭ malaperis el la partio. Petro evitis eĉ Klaran; li mem ne tute komprenis, kial. Sed li ne povis pensi pri ŝi sen sia propra honto kaj

sen la aŭdo de la klako sur la vango. Ankaŭ la knabino forlasis la partion. Oni ne povis fari multe kaj oni riskis tro multe. La gepatroj jam antaŭe ekprotestis.

Pasis monatoj, el la vico de la monatoj iĝis jaro kaj Petro ankoraŭ sentis la vangofrapon kiel propran difekton. Ĝi konstantiĝis, kvankam la inflaman karakteron, la brulon li ne plu sentis, ĝi iĝis iel ĉiutaga difekto, kiel lameco aŭ ĝibo. Petro subite maljuniĝis, eĉ lia kapo falis antaŭen. Li devis resti en la urbo, ĉar la vilaĝo ne plu povis doni lokon al li. Li estis pli multe nekulo nun, kiel iam ajn antaŭe. Lia sola fuĝo estis la studo, la libroj, la lingvoj kaj la vojaĝpriskriboj. Per tiuj li kvietigis sian spiritan malsaton. Lia sorto estis ŝajne tute sigelita.

Sed, ankoraŭ antaŭ la milito, denove levis sin subita vento kaj prenis Petron sur sian dorson. Helpe de iu reaperanta malproksima parenco, iu vagemulo el la familio, li povis trovi la vojon inter la nek-rokoj. Li forlasis la landon, kie li ne plu havis esperojn, nek persone, nek cetere, kaj, kun avara kolektado de siaj groŝoj, li atingis iun el la surdamerikaj ŝtatoj. Tiel li povis rekomenci sian vivon, komence kiel biena servisto, poste kiel novkoloniano.

Estis tie medio de nova kreo kaj en tiu ĉi medio malaperis lia komplekso. Liaj virtoj reekfloris, kaj, urĝate de la naturo kaj de malhelpoj, lia vivritmo plirapidiĝis. Fervoro kaj inventemo, persisto kaj adaptiĝemo helpis lin trans la seriozajn obstaklojn. Fizika streĉo, ŝvito, batalo kun kruda, sed nobla naturo lin fortigis korpe kaj firmigis anime, kaj li akiris al si ĝuste tion, kion li ĉiam malhavis, la certecon, la suverenan firmecon. La ekprosperanta komunumo altetaksis liajn virtojn, li iĝis unu el la motoroj de tiu maŝinaro, kaj li registris la taskojn kaj dekorojn kun iom da rezigna doloro — pensante pri sia forlasita hejmlando. Estis obtuza doloro, sed tamen doloro.

Kiam lia farmcentro la unuan fojon aperis sur ilustrita karto, kiel loka vidindaĵo, li sendis la karton — estis subita impulso — kun nuraj salutvortoj al Klara. Li ne ricevis rapide respondon; pasis monatoj, antaŭ ol ĝi venis. Estis amika, simpatia letero, el kiu parte rekte, parte sub la vortoj klariĝis, ke ankaŭ por Klara tiuj tempoj estis krizaj: la familio disfalis, la patro mortis, la havaĵo de la familio malaperis; Petro en ia maniero sentis el la letero, ke Klara intertempe transiris ankaŭ ian animan krizon, sendependan de la familia malĝojo. Vere estis tiel. Klara havis sian grandan romanon, el kiu nur dank' al sia prudento ŝi povis sin savi, lasante droni grandan parton de la iluzioj, kiujn ŝi nun jam rigardis balasto de la vivo. Ŝiprompulo ŝi mem ne iĝis, sed klarvida, iomete rezigne bonhumora, prudenta, juna virino, kies seriozeco tamen ne allogis la virojn. Ŝi jam delonge elanalizis la iaman skandalon.

La evoluo de Petro estis iomete paralela. Li staris nun per ambaŭ piedoj sur la tero, nenio homa al li estis fremda, krom la malnoblo, li ne plu ŝvebis inter la nuboj, sed kelkfoje, en la maloftaj paŭzoj de la granda laboro, li revokis la kolorojn, melodiojn kaj odorojn de la malnova somero.

La korespondado finiĝis abrupte. En Eŭropo erupciis la vulkano. La milito komenciĝis. Poste sekvis la sieĝo de la lando kaj la kruelaj bataloj, kiuj de punkto al punkto diserigis la vivon de la malfeliĉa lando. Petro morniĝis, lia koro doloris pro la patrujo kaj pro tiuj, kiujn li ankoraŭ havis tie. Multaj ili ne estis. Sed inter ili estis Klara. Komence la doloro estis akra, poste ĝi obtuziĝis, kaj kiel malcerta angoro, iĝis al li kutima, kvazaŭ apartenaĵo de lia vivo.

Kiam la milito finiĝis, la doloro kaj angoro reekflamis. Kun grandaj malfacilaĵoj, sed relative rapide li sukcesis tamen akiri informojn. Klara vivis kaj laboris, sed ŝi estis sola. Ŝia patrino restis mortinta sub la ruinoj kaj la fraton jetis la uragano, kiel militkaptiton, al alia kontinento.

Petro pripensis sian vivon en la nova hejmlando, kuraĝe li pesis siajn pensojn, realaĵojn kaj sopirojn, kaj kun matura kaj trankvila decido li komencis prepari sian vojaĝon al la militinta Eŭropo. Li volis viziti sian patrujon, ĉu resti tie? Ne, tio estis pli timiga, ol alloga penso.

Tiel komenciĝis fine lia longa vojaĝo tra la ruinkovrita, ĉifona Eŭropo. Senfina vico de ruinoj! Komence li larmis, poste li estis silente melankolia, sed malgraŭ tio, li sentis ian ekscitan feliĉon pri tio, ke *li* vivas. Lia

indulgita vivo devos servi por la pli malfacilaj.

La ekvido de la iam bela, grandioza ĉefurbo kortuŝis lin. Li ne diris eĉ unu vorton, nur mute faligis sian kapon sur la bruston, kaj fermis la okulojn. Sed estis bela, dimanĉa antaŭtagmezo. La naturo jam triumfis super la ruinoj kaj super la ĉifonoj kaj uniformoj. Io kuntiris lian gorĝon; tio jam estis angoro, kia estos Klara, kiel ŝi savis sin el tiu infero?

La antaŭurbeto, kie ŝi loĝis, estis relative pli serenaspekta, ol la grandurbo mem. Klara malfermis la pordon. Ŝi estis apenaŭ ŝanĝiĝinta. Tio estis la sola konscia percepto de Petro, kaj tio, ke li vidas el la antaŭĉambro la tre modestan loĝejeton. Ĉambro kaj kuirejeto, kaj tra la fermita pordo traŝtelas sin la odoro de la preparata manĝo. Ĉu terpomo?

Klara nun staris antaŭ li en la antaŭĉambro kaj senkrede ŝi rigardis la larĝŝultran, bonvestitan, seriozan figuron. Ŝi diris simple, kaŝante sian kortuŝiĝon:

— Petro, ĉu vi? Bonvenon, Petro, Petro!

Petro enpaŝis. Ilin obsedis ia narkoto. Liaj valizoj kuŝadis dise en la antaŭĉambro kaj en la eta ĉambro. Tra la malfermita fenestro verŝiĝis la oro de la suno kaj kontraŭ la fenestro desegniĝis la konturoj de ruinoj. Oni vidis parton de banĉambro. Petro fotografis la detalojn senscie per la okuloj. Kaj poste li vidis nur Klaran. Ili estis ankoraŭ senvortaj, kaj ne sciis, de kiom da tempo ili staras unu antaŭ la alia.

— Klara . . .

Pli li ne povis diri. Ilia rigardo renkontiĝis. Li vidis ekbrili strangan lumon en la okuloj de Klara. Iliaj sentoj venis en unu potencan cirkulon, ili falis en la flamon de la ekstazo. La realo malaperis, ili eĉ ne konsciis pri si mem, ili perceptis nur unu la alian. El la radio aŭdiĝis solena orgenmuziko, kiun ili aŭdis pri ĝi ne konsciiĝante. Ili flustris solene vortojn, senscie, kion ili diras. Kiom da tempo pasis, ili ne sciis, ĉu minutoj, ĉu kvaronhoroj, horoj. Ili ne volis veki sin mem.

Kio revokis al ili la realan mondon, estis tondra bruo el la kuirejo, sekvata de du malpli fortaj tondroj. Ili ektremis. Klara elvolvis sin el la brakoj de Petro kaj kuris en la kuirejon. Petro leviĝis.

— Kio okazis? — li demandis.

La vualon de la knabinaj okuloj trarompis bonhumoro. En la mano estis nerekonebla kaserolo, forbrulinta, fulga, nigra, malpura. Sur la planko de la kuirejo kuŝis dise terpomoj.

— Nenio eksterordinara — respondis Klara. — Nur la terpomoj krevis pro envio...

IV.

Nun jam la volo de Petro trovis sian vojon. Klara direktis lin sen eldiritaj vortoj al la decido. Li restos hejme kaj metos siajn robinzonajn spertojn kaj volojn en la servon de la ruiniĝinta lando. Li vidis eblaĵojn, kaj la tasko ŝajnis inda kaj eĉ grandioza, nobla. Nun li revenis al sia tero kaj al sia laboro.

Klara estis fiera pri sia fianĉo. El la antaŭa malcerto kaj hezitemo, malkuraĝo restis al li nenio.

Sed iun tagon Petro estis ege proksima al la reveno de ĉiuj fantomoj. Estis kelkajn tagojn antaŭ ilia geedziĝo. Brakenbrake ili iris ien en la revekiĝanta grandurbo. Subite ili renkontis malnovan konaton, la iaman sekretarion, atestanton de la „skandalo". Li maljuniĝis, kaj la multaj okazaĵoj, karcero kaj torturoj, malfortigis lian memoron, sed pri Petro li memoris kaj konturoj de la iama skandalo komencis revekiĝi en lia memoro. Sed pri tio ili ne parolis, la tuta historio paliĝis kaj perdis ĉian rilaton al la vivo. Ili babilis kaj estis esperplenaj. Tiam okazis io. El kaduka ruindomo elvenis ĉifona figuro, iom kurbiĝinta, simila al miloj de la ĉefurbanoj de tiu tempo. Kiam li ekvidis ilin, li rektiĝis kaj el la glate razita vizaĝo viglaj okuloj pikis la trion. Li rektiĝis kaj prenis spitan mienon, kiu kvazaŭ diris:

— Ĉu vi? Ĉu vi rekuraĝis? Sed mi estas ĉi tie kaj min vi ne povas transpaŝi.

Jen, Eŭgeno reaperis. Li griziĝis, ĉifoniĝis, lia vizaĝo frue sulkiĝis, sed li prezentis sin iel potenca, ne-pereigebla, kaj lia cinika rido, per kiu li demonstre salutis nur Klaran, regis la tutan agordon.

Kiam li malaperis, estis silento por momento. La sekretario demandis. Ĉu ne estis tiu, kiu . . .

Li interrompis la frazon. Petro iĝis morte pala kaj sentis, ke lia buŝo pleniĝas per la

# LA MIRINFANO DE LA FRANCA POEZIO

G. Waringhien

De Viljono ĝis Teofilo Galtiero (Gautier) la franca poezio konis plurajn skandalajn debutojn, sed neniu el ili estis tiel skandala, kiel la eniro en nian literaturon de tiu stratbubo, kun helbluaj okuloj kaj ruĝaj dikkarnaj manoj, inter la kraĉoj de lia pipo kaj slanginsultoj de lia malŝato, de la hirthara, ĉifonvestita kaj pedikhava Arturo Rimbaldo. Kaj post lia fulma trapaŝo, kiu tiel profunde skuis la cerbojn, ke ĝi radikale ŝanĝis la koncepton mem de l' poezio, nenio estis pli enigma, ol lia absoluta rezigno pri ĉio literatura, lia absoluta forrompo kun la civiliza klereco. Blindiga meteoro, kiu unumomente ĵetas katastrofan perturbon inter la regule rondirantaj planedoj, kaj tuj malaperas en la mallumon de la senfino.

Johano Nikolao Arturo Rimbaldo (Jean Nicolas Arthur Rimbaud) naskiĝis la 20-an de oktobro 1854 en Karlopolito (Charleville), de infanteria kapitano kaj de filino de etbienuloj; tiu ĉi patrino, baldaŭ forlasita de sia edzo, estis terure morsevera, konvencie pensanta, avara kaj despota virulino: la premo, kiun ŝi pezigis sur la infano, estis certe unu el la kaŭzoj de lia funda ribelado kontraŭ ĉiaj patrinaj respektitaĵoj: la religio, la seksmoralo, la ŝparemo, la ordo kaj la pureco. Kaj tiu malamo al la familia rondo estis verŝajne la fonto de tiuj ekfuĝoj, kiuj tiel ofte pelis lin sur la grandajn vojojn de Francio, Belgio, Germanio, Italio ktp. La „viro kun plandumoj el vento", kiel moknomis lin Verleno, suferos dum sia tuta vivo je kronika „dromomanio".

Ĉiuj ĉi trajtoj tamen ne indus la atenton, se en la juna infano ne vekiĝus tre frue mirinda genio. En la imperiestra kolegio de Karlopolito li altiras ĉies admiron per siaj latinaj poemoj — tiutempa lerneja ekzerciĝo. Li estas nur 14-jara, kiam li verkas, laŭ temo eltirita el Horaco, poemon „Sonĝo de lernanto", en kiu li priskribas la vekiĝon de lia poezia alvokiĝo per la jenaj vortoj:

Lumo brilega
Ĉirkaŭvestas min per siaj plej puraj radioj.
Sed ne similas ĉi lum' al nia konfuza lumaĵo,
Kiu, miksita je nokt', nebuligas niajn okulojn.
Fremda al lumo de l' ter' estas ties ĉiela deveno:
Ion ĉielan al mi en la koron dio torente
Verŝas, tra mia brust' fluadanta kiel rivero…
„Estos vi unu poet'!"…

Ĉu ne kurioze, ke oni povis kompari ĉi tiun pecon kun la rakonto de vizio, kiun faris Sankta Tereza de Avila — kiun cetere la knabo ne estis leginta. Li finas sian gimnazian karieron en julio 1870, akirante la unuajn premiojn pri la latina versfarado, pri la latina prozverkado, pri la latin-franca tradukado, pri la greka-franca tradukado, kaj — ironio — pri la religia instruado! Modela lernanto, almenaŭ laŭ la ekstero.

Ĉar interne bolis tute aliaj fortoj. Jam en tiu jaro 1870, sub la influo de sia instruisto Izambart, mem poeto kaj revoluciemulo, li komencas sian franclingvan verkadon. La 20-an de aprilo 1870 (li aĝas 15 jarojn kaj duonon) li skribas tiun „Sensacio", kiun bele tradukis Lali Blond (L. M. 1936, pĝ. 150). De tiu dato ĝis la 20-a de aŭgusto li verkas dek poemojn (inter ili du tre longajn), en kiuj kun eksterordinara lerteco li asimilas kaj majstre praktikas ĉiujn akiraĵojn de la franca poezio ekde Hugo ĝis Francisko Kopeo, kaj pasas de la plej fru-amema tenereco:

Jam ŝia rob' tre maldiskretis,
Kaj grandaj arboj, scivoleme,
Al vitroj siajn branĉojn ĵetis
Proksim-proksime, petoleme…
(Unua vespero)

---

amaso de neeldireblaj vortoj, kiuj bariĝas ĉe la lango, ĉe la lipoj. Sed Klara alrigardis lin, kaj, kolektante sian tutan trankvilon, ŝi finis la frazon de la sekretario:

— …„Estis tiu, kiun Petro jam vango frapis.

La sekretario subite rememoris. Sed, strange, li ne plu sciis klare, ĉu Petro donis, aŭ ricevis la vangofrapon. La trankvilo de Klara tamen estis difina kaj sugesta. Jes, tiel estis, kiel ŝi diras.

— Jes, Petro — li diris. — Tio estis via unua heroaĵo. Vi ĉiam havis intuicion pri homoj kaj okazaĵoj. Tiu ĉi strangulo verŝajne venas rekte el la karcero. Intuicia vangofrapo estis tiu. Kaj suverena, vireca!

Klara denove alrigardis lin kaj ridetis, sed sen ironio. Petro volis diri ion, sed ŝi estis pli rapida. Ne mirakle. Li ankoraŭ ne povis kolekti siajn fortojn. Ŝi turnis sin al la sekretario:

— Ĉu vi scias, ke Petro eklaboros en la Rekonstrua Komitato?

Ŝia rigardo estis serena kaj klara, kiel la suno, kaj nun Petro mem ne plu sciis, ĉu li donis aŭ ricevis la vangofrapon.

al la plej realista krudeco:

. . . Ĉe ŝia lumb', duvorta gravur': Clara Venus'.
— Kaj tiu korp' moviĝas kaj montras larĝan pugon,
Abomeninde belan de ulcero en l' anus'.

(Venuso Anadiomena)

de la plej delikata liriko:

Sur akvo lante nigra, kie la steloj dormas,
La blanka Ofelia drivas kiel lilio . . .
la mistera kanto de l' astroj oraj falas.

(Ofelia)

al la plej patosa elokvento:

Mortintoj de la granda Naŭdek-kaj-tria jaro . . .
Milion' da Kristoj kun la okuloj milde ombraj,
Ni lasis vin ripozi en sin' de l' Respubliko,
Ni, kurbaj sub la reĝoj kvazaŭ sub vipopiko! . . .

En aŭgusto de 1870 eksplodas la germana milito; Rimbaldo vendas siajn premiajn librojn por fuĝi al Parizo, kie li esperas travivi la falon de la imperiestra reĝimo; sed, ŝuldante 13 frankojn al la fervoja kompanio, li estas enkarcerigita. Izambart lin liberigas, kunprenas lin al Dovako (Douai), poste resendas lin al Karlopolito, de kie, dek tagojn poste, li refuĝas en Belgion: li piediras al Bruselo, kaj revenas al sia amiko, en Dovakon, fine de oktobro. Tie li donacas al Izambart kajeron, en kiu la deksesjara poeto kopiis siajn lastajn poemojn; du el tiuj estis majstre tradukitaj de Kalocsay en Eterna Bukedo, t. e. „La Embuskantoj" („La sovaĝuletoj" estus pli ĝusta), kaj „La Dormanto de la Valo" (memoro de freŝa renkonto en la arbaro de Ardenoj). Aliaj estas samgrade perfektaj pecoj, kaj meritus esti prezentitaj al la esperantistoj: „Romano", „La Malbono", La Maljuna Ŝranko" ktp. Almenaŭ la jenan soneton mi provos transdoni, ĉar ĝi bone karakterizas la humoron Rimbaldan, alternigante la lirikajn ekflugojn de la naturamanto kaj la prozajn rimarkojn de la vagabondo; pitoreska skizo de la vivo de migra poeto, kiu, sen groŝo en la poŝo, devas atendi la noktan roson por refreŝigi sin de la irado, kaj ne faras alian pretigon por la endormiĝo ol fortiri la eluzitajn ŝuojn . . .

**Mia vivo bohema.**

Mi iris, kun la pugnoj en poŝoj, kiuj krevis.
Jam ankaŭ mia palto fariĝis ideala.
Sub la ĉiel' mi iris, Muzo, al vi vasala.
Ho-la-la! Kiajn amojn brilegajn mi prirevis!

Tra l' pantalon' unika oscedis larĝa truo.
— Mi, Fingrulet' revema, ŝutis tra l' vojo landa
Rimojn. Gastejo mia estis la Urso Granda.
Vibretis miaj steloj kun fajna frotobruo.

Kaj ilin mi, en bonaj ĉi septembro-vesperoj,
Sidante sur vojrandoj, aŭskultis, — la roserojn
Sur mia frunt' mi sentis freŝiga fe-likvoro,

Aŭ, dum mi rimis meze de ombroj jam fantastaj,
Mi tiris kiel lirojn la rubandojn elastajn
De la vunditaj ŝuoj, kun la pied' ĉe l' koro!

Komence de novembro 1870, Rimbaldo rehejmiĝas, kaj dum la tuta vintro li pasigas siajn tagojn en la urba biblioteko, legante librojn pri okultismo kaj pri revolucio. La 25-an de februaro 1871, nova fuĝo al Parizo, en kompanio de knabino, kies violajn okulojn li poste aludos en la soneto „Vokaloj". Post 15 tagoj da absoluta mizero, ili disiĝas, ŝi rifuĝas al parencoj apud Parizo, repiediras al Karlopolito. Tie li verkas „Projekton pri komunista konstitucio" (perditan), travivas fortan krizon de kontraŭkristanismo, sed precipe prilaboras al si novajn poeziajn kapablojn per la senbrida streĉado de sia potenca fantazio, kreante al si novan mondon el la ruboj de la malnovo. Jen kiel, en letero al amiko, la 15-an de majo 1871, tiu knabo de 16 kaj duona jaroj, difinas la novan rolon de la poezio, t. e. la liberigon de la subkonscio:

». . . Ĉar „Mi" estas iu alia . . . Tio estas evidenta: mi ĉeestas la naskiĝon de mia penso; mi ĝin rigardas, ĝin aŭskultas; mi ĵetas tiron de arĉo: la simfonio faras siajn movojn en la profundaĵo, aŭ venas per unu salto sur la scenejon . . . La unua studo de la animo, kiu volas esti poeto, estas ekkoni sin mem, komplete . . . La celo estas fari sian animon monstra . . . La Poeto igas sin *viziulo* per longa, vasta kaj sistema *elreguligo* de ĉiuj *siaj sensoj*. Ĉiaj formoj de amo, de sufero, de frenezo: li serĉas, li elprovas sur si mem ĉiajn venenojn, por konservi nur ties kvintesencon. Neesprimebla torturo, por kiu li bezonas la tutan kredon, la tutan superhoman forton, kaj per kiu li fariĝas el ĉiuj la granda malsanulo, la granda krimulo, la granda malbenito — la supera scienculo . . . Ĉar li atingas la *nekonatan* . . . kaj se, freneziĝanta, li finfine perdus la komprenon de siaj vizioj, almenaŭ li ilin viziis! Li krevu en sia saltego tra la eksterordinaraj kaj nedireblaj aferoj: venos aliaj hidaj laborantoj; ili komencos ĉe la horizontoj, kie la alia subfalis!

. . . Lia elparolo: animo por la animo, ĉion resumanta, parfumojn, sonojn, kolorojn — pensaĵo kroĉanta la penson kaj tiranta. La poeto difinus la kvanton da nekonata, kiu vekiĝas liatempe en la universala animo . . . Aŭtoro, kreanto, poeto, tia homo neniam ankoraŭ ekzistis!"

En la printempo kaj somero de 1871, li do plu verkas poemojn, pli kaj pli revoluciajn kaj bildostelitajn: „Kapo de Faŭno", „Pariza Militkanto", „La Pariza Orgio":

. . . Ho vi, civit' dolora, civit' kiel mortinta,
Kun kap' kaj la du mamoj ĵetitaj al Futuro . . .

„La Manoj de Maria-Johana": . . .

. . . Ili paliĝis, en jubiloj,
Je l' amoplena sun-irizo,
Sur bronzo de l' maŝinpafiloj
Tra la ribelanta Parizo!

„La Malriĉuloj en la Preĝejo", „La Sepjaraj Poetoj", „La Vokaloj":

A nigr', E blank', I ruĝo, U verd', O blu' — vokaloj,
Mi diros iun tagon viajn naskiĝojn kaŝajn . . .
. . . Omega — la viola radi' de Ŝia okulo!

„La Justulo", „La Unuaj Komuniiĝoj":

Vere, stultaĵo — tiuj preĝejoj de l' vilaĝoj,
Kie dekkvin bubaĉoj, sur malpuraj genuoj
Aŭskultas kartavanta la religiajn klaĉojn
Groteskan nigran ulon kun fermentantaj ŝuoj...

La hieraŭon de sia foriro al Parizo, fine de la interveno de amiko, Rimbaldo konigas kelkajn el siaj verkoj al Verleno, kiu tuj, konkerita de ilia beleco, skribas al li: „Venu, kara granda animo, oni vin atendas, oni vin deziras!"

La hieraŭon de sia foriro al Parizo, fine de septembro 1871, Rimbaldo kondukas unu sian kunlerninton en la proksiman arbaron kaj tie legas al li novan poemon: „Ĉi tion mi faris por prezenti al tiuj parizanoj." Ĝi estis la fama „LA EBRIA ŜIPO", kie mistere li antaŭvidas sian propran destinon de aventuristo.

„LA EBRIA ŜIPO" orkestras per la simbolo de malligita barĝo la internan revon de Rimbaldo. Strangaj vizioj, halucinaj bildoj (des pli drastaj, ĉar ili fontas el la nura fantazio de la knabo, kiu, neniam ankoraŭ vidinta la maron, ĝin imagas tra la bildoj de la ilustritaj magazinoj) tradukas lian ŝtorman sopiradon je io nova kaj perforte ŝanĝita, je radikale nova vivo kaj transracie nova mondo.

Tamen la bonaj kutimoj de la klasika kompanado ne tute forviŝiĝis: en tiu freneza drivado de la ŝipo oni retrovas logikan sinsekvon. Unue — la ekfuĝo, la ebria liberiĝo, la kuro al la pravivo (strofoj 1—3). Sed antaŭ ol povi eniri en tiun mir-oceanon, necesas iel puriĝi de la homaj memoroj, necesas ia bapto (strofoj 4—5). Kaj de tiam la inicito kvazaŭ superverŝiĝas per vizioj senordaj, kaosaj, la perceptaĵoj restas neligitaj inter si, ili ne konsistigas bildojn, ili liveras la krudan naturon en ĝia pura origina senkohereco, tragikajn sunsubirojn, magiajn noktojn de la tropikaj maroj, nekredeblan best- kaj floraron de la neesploritaj landoj (strofoj 6—17). Sed ne estas eble vivi longe en tia senfina kaoso da koloroj, formoj, movoj: kapturno ekkaptas la animon, kiu bedaŭras la malnovan, rutinan kaj des pli trankviligan universon (strofoj 18—21). Kaj malgraŭ la sublimo de la viditaj vizioj, esperiĝantaj pri ia revolucia estonteco, la heroo, kiu sentas, ke li kapablas nek plu elporti tian sovaĝan vivon, nek reveni al la civilizita, aspiras al la morto, sola solvo de tiu senelira destino (strofo 22—25). La poemo estas iel la transmeto de la ĉi-supre citita litero pri la rolo kaj sorto de la poeto.

Mi esperas, ke ĉi tiuj rapidaj rimarkoj kaj la subaj notoj helpos al la leganto pli komplete ĝui la belan kanton, presitan ĉi-numere en la magia traduko de miaj amikoj Kalocsay kaj Tárkony.

„La Ebria Ŝipo" estas la lasta el la regulformaj poemoj de Rimbaldo. Inter oktobro 1871 kaj la 10-a de julio 1873, dum lia ŝtorma amligiĝo kun Verleno, Rimbaldo verkis kelkajn strangajn kanzonojn, sed precipe la mirindajn poemojn en prozo de „La Iluminaĵoj". Post kiam Verleno lin atencas en Bruselo, kaj li rompas kun tiu elektita amiko, li senesperigita verkas „Unu sezono en la Infero", specon de literatura kaj filozofia testamento, blindiganta per la sama vizioplena stilo, unu el la ĉefverkoj de la franca prozo. Kaj de tiu tago, en la aĝo de 19 jaroj, la unika geniulo diras definitivan adiaŭon al la poezio. Li kurados tra la mondo, senlace, ŝanĝante la metiojn, lernante fremdajn lingvojn, sed plu neniam skribos eĉ unu arte ritmitan frazon. Li fine elektos por agokampo Abisenion, kie li faros esplorojn, trafikos per varoj kaj armiloj, kaj de kie li revenos, grave malsana, morti inter la brakoj de sia fratino, en Marsejlo, la 10-an de novembro 1891 — tute same, kiel li antaŭviziis 18 jarojn antaŭe, en la „Sezono":

„Jen mi, sur la Armorika strando. La urboj eklumiĝu en la vespero. Mia labortago estas finita; mi forlasas Eŭropon. La maraero bruligos miajn pulmojn; la forperditaj klimatoj min tanos. Naĝi, tretpisti la herbon, ĉasi, fumi precipe; trinki likvorojn fortajn kiel bolanta metalo . . . Mi revenos kun ŝtalaj membroj, malhela haŭto, furiozaj okuloj; el mia masko oni aljuĝos min al fortika raso. Mi havos oron: mi estos pigra kaj brutala. La virinoj flegas tiujn kruelajn kriplulojn rehejmiĝantajn de la varmaj landoj . . . Bela gloro de artisto kaj fabelisto — forportita!"

# *LA EBRIA ŜIPO*

***Arthur Rimbaud***

Kiam tra l' senpasiaj Riveroj mi descendis,
Mi ne plu sentis gvidon de l' ŝiptrenistoj ŝvitaj:
Por kriaj Ruĝhaŭtuloj paf-cele ili pendis,
Najlitaj nude al la palisoj buntfarbitaj.

Mi estis jam senzorga pri ĉiaj ŝipanaroj,
Kaj ĉu min ŝarĝas angla koton' aŭ belga greno,
Kiam pri l' ŝiptrenistoj finiĝis ĉi skandaloj,
Min la Riveroj lasis descendi plu sen ĝeno.

Kaj pasintvintre, inter furioza plaŭdo-bruo
De l' tajdo, mi, pli surda ol cerbo de etuloj,
Ekkuris ! Ne subiĝis al tohu-va-bohuo
Pli triumfanta eĉ la forkrevaj Duoninsuloj.

Min ŝtormo benis bapte por miaj mar-pilgrimoj.
Dek noktojn, kiel korko, mi sur la ond-alternoj,
Nomataj la eternaj rulantoj de viktimoj,
Dancis, sen zorg' pri stulta okulo de lanternoj.

Pli dolĉe ol al infanoj acerba karno poma,
La verda ond' penetris tra mia pina flanko,
De bluaj vin-makuloj kaj de malpuro voma
Min lavis dum forŝiro de l' direktil' kaj ankro.

De tiam mi baniĝas en la Poemo Mara,
Lakteska, kaj de miloj da astroj surverŝita,
Manĝanta lazur-verdojn, kie, flosaĵo pala,
Ravata, foje-foje sinkas dronant' medita.

Kie, pentrante bluojn subite, en deliroj
Kaj lantaj ritmoj sub la ruĝflavo de l' sunflamo,
Pli fortaj ol likvoro, vastaj ol niaj liroj,
Fermentas bole ruĝoj amaraj de la amo !

Mi scias la fulm-krevajn ĉielojn, kaj la trombojn,
Ondrompojn kaj marfluojn, mi la vesperon scias,
L' Aŭroron suprenŝveban kiel svarm' de kolomboj,
Kaj vidis ofte, kion la homo nur vizias:

Malaltan sunon, sangan de misteraĵ-hororoj,
Lumigi per violaj longaj koaglo-fibroj
Ondojn similajn al tre antikvaj dram-aktoroj,
Rulantajn malproksimen la ĵaluziajn vibrojn.

Mi revis verdan nokton kun brilblindigaj neĝoj,
Kiam al mar-okuloj sin levas kisoj lantaj,
Cirkulas sukoj sorĉaj kaj sur la ondaj eĝoj
Vekiĝas flave-blue la fosforeskoj kantaj.

Mi sekvis dum monatoj hulon, al histeriaj
Bovoj similan, kiu sturmadis al la rifoj,
Sen pensi, ke la lumaj piedoj Sankt-Mariaj
Al mar' anhela nazon repuŝos for de l' klifoj.

Mi trafis, ĉu vi scias? nekredeblajn Floridojn,
Kiuj al floroj miksas okulojn de homhaŭtaj
Panteroj. Ĉiel-arkojn streĉitajn, kiel bridoj
Sub maraj horizontoj por iaj gregoj glaŭkaj.

Kaj vidis mi fermenti grandegajn marĉojn: nasojn,
Kie sub junkoj korpo de Levjatan' putradas,
Meze de ventsilentoj falegajn akvo-masojn,
Kaj malproksimojn, kiuj abismojn alkaskadas.

Glaciejojn, arĝent-sunon, perl-ondon, ĉiel-glimojn
Karb-ardajn! Hidajn rubojn en golfoj brunkoloraj,
Kie serpentoj egaj sub mord' de monstraj cimoj
Defalas de la arboj stumpaj kaj nigr-odoraj !

Mi volus al infanoj montri tiujn trezorojn
De blua ond': orfiŝojn, kaj fiŝojn kiuj trilis.
Jen mian senrodecon luladis ŝaŭmo-floroj,
Jen nedireble dolĉaj ventspiroj min flugilis.

Ofte, martiro laca de l' arktoj kaj de l' zonoj,
La mar', kies singulto la rulon igis ĝua,
Alsendis ombroflorojn kun flavbuŝaj burĝonoj,
Kaj jen mi haltis kiel virino surgenua.

Preskaŭ insul', skuante malpurojn sur la plankoj,
Kaj la kverelojn kriajn de birdoj blond-okulaj,
Jen flosis mi, dum inter kadukaj miaj flankoj
Dronintoj sinkis dormi al lokoj pli obskuraj.

Sed, ŝipo, perdiĝinta en golfaj haroj densaj,
Svingita ĝis senbirda eter' per ŝtorm' furia,
Kiun nek Monitoroj, nek la velŝipoj Hansaj
Elhokus jam por ĝia skeleto akv-ebria;

Libera kaj fumanta, kun ŝarĝ' da viol-nebuloj,
Truinta tra l' ruĝanta ĉiel' kiel tra muro,
Portanta por deserto al bonaj versfaruloj
Likenon de la suno kaj mukon de lazuro;

Kurinta de elektraj lunetoj makulate,
Tabul' freneza, kiun en nigra svarm' eskortis
Ĉevaloj maraj, kiam julioj bastonbate
El ĉieloj ultramaraj funelojn ardajn tordis;

De kvindek mejloj treme aŭdinta la seksfebrajn
Ĝemojn de Behemotoj, kaj la Maelstrom-tordadojn,
Mi, malvolvant' eterna de bluoj nemoveblaj,
Bedaŭras la Europon de ŝimaj balustradoj.

Astro-arĥipelagojn mi vidis, kaj insulojn
Kun delirantaj ĉieloj, apertaj al navigo.
Ĉu en ĉi senfundaj noktoj vi kiel ekziluloj
Dormas, mil-mil orbirdoj, futura Refreŝigo?

Nu jes, mi multe ploris. Afliktaj la tagiĝoj,
Kaj ĉiu lun': kruela, kaj ĉiu sun': amara.
Min akra am' ŝveligis per ebrio-vertiĝoj,
Ho krevu, mia kilo! Min glutu, fundo mara!

Se akvo en Eŭropo ankoraŭ min allogas,
Nur nigra, frida flako, kien, kun kor' malgaja,
En la krepusk' balzama infan' kaŭranta lokas
Ŝipon fragilan kiel papilieto maja.

Ne eblas plu, banite, ho mar', de viaj ardoj,
Tratranĉi la postsulkon de l' ŝipoj de kotonoj,
Nek pasi tra l' orgojlo de flagoj kaj standardoj,
Nek floti sub hororaj okuloj de pontonoj.

El la franca: *K. Kalocsay & L. Tárkony*

NOTOJ. Str. 1—2. La Riveroj „senpasiaj" (kontraste al la pasiaj Oceanoj) certe estas memoro de R. pri la kanalizita Mozo, sur kiu li ofte vidis ŝarĝoŝipojn trenatajn. — Per la perdo de la ŝipanoj la ŝipo liberiĝas de la homa socio kun ĉiuj ties zorgoj, kaj fariĝas *absoluta solulo* inter la sovaĝaj fortoj de la Naturo.

Str. 3. Inter tiujn fortojn la solulo ekkuras, senmemora kiel cerbo infana. La maro ĝin akceptas per skuegoj preskaŭ tiaj, kiaj la kataklismoj, kiuj duoninsulojn forrompis de la kontinento.

Str. 4. Post dektaga skuiĝado ekdrivas la solulo per la „eternaj rulantoj de viktimoj", kiel Victor Hugo nomis la marajn ondojn, kaj ignoras jam la ŝipaŭ kaj-lanternojn, lastajn signojn de la homloĝata mondo.

Str. 9. La sunsubira lumo, kun siaj surakvaj strioj, similas al longaj fibroj de koaglinta sango. Sub tiu lumo la ondoj ruliĝas kun la majesta impeto de la aktoroj de antikvaj dramoj. Sur ili alternas dum ilia movo la strioj de ombro kaj brilo, kiel la ombro de ĵaluzio interne de ĉambro.

Str. 11. Senventa ondomovo kuntrenas la ŝipon kontraŭ rifojn, klifojn, rokajn promontorojn, kiujn ofte kronas, kiel protekto por la ŝipanoj, la statuo de Sankta Maria.

Str. 12. Nekredeblaj Floridoj: sorĉaj pejzaĝoj sudaj, kun okuloj de indiĝenoj de pantera elasto inter la ekzotikaj floroj. Ĉi tie la fantazio ŝajne jam transsaltas en miton: la „gregoj glaŭkaj" estas eble tiuj de la mar-dio.

Str. 18—20. Sed — vekiĝas la konscio, ke tiu sovaĝa solula drivo eluzas la vagulon je „tabulo freneza", taŭga plu por nenio, krom eble porti al „bonaj poetoj"... „mukon de lazuro". (Tiu moko pri la poezio jam signalas la senreviĝon de R. pri la literaturo.)

Str. 21—24. La ekscesa fantazio, disstreĉanta ĉiujn kadrojn, per la sensocieco fariĝas fine animkonsuma frenezo. Ĝi lasas preterpasi la senlimojn de la „bluaj nemovebloj", kiel la ŝnurmalvolvanto lasas post si la malvolvitan ŝnuron, sed — ĝi kondukas nenien. La sola savo estus — retrovi la vojon al la homa solidareco, sed por tio oni devus funde ŝanĝi la mondon de la „ŝimaj balustradoj" per la eliksiro de la Novo. Sed tiu granda „futura Refreŝiĝo" ankoraŭ dormas ekzile en la reva senfundo de noktoj. Ne ekzistas revojo! Sole la memoro de la naiva infanaĝo restas kiel pala miraĝa allogo.

Str. 25. Ĉar kio akceptus la vagulon en la haveno? Ŝipoj kun la komercaj flagoj de akaparo, ŝipoj kun la militaj standardoj de popolmurdo, pontonoj eluzitaj, simboloj de sklaveco, kun la hororaj lukokuloj, tra kiuj elrigardas la kaptitaj respublikanoj (sub Napoleono III., kiel tion aludas Victor Hugo en „La Punegoj", la politikaj kondamnitoj estis enkarcerigitaj en flotantaj pontonoj). Anstataŭ tiu griza barbareco, prefere oni elektu la ekzotikan sovaĝon: oni drivu plu solule ĝis la savanta drono!

NEOLOGISMOJ: *acerba:* adstringa-gusta; *bunta:* multkolora; *descendi:* malsupreniĝi; *flako:* malgranda postpluva akvorestaĵo sur la tero; *fragila:* subtile rompiĝema; *frida:* malvarma; *glaŭka:* marverda; *hida:* abomene terura; *hororo:* teruriĝo; *hulo:* senventa ondomovo; *koagli:* rigidiĝi kiel elfluinta sango aŭ acidiĝinta lakto; *laktesko:* laktosimila; *lanta:* malrapida; *monitoro:* speco de militŝipo; *obskura:* malluma; *orgojlo:* fierego, malhumilo; *sinki:* fali malrapide; *sturmi:* kurataki; *tohuvabohuo:* kaosaj skuegoj (Genezo I. 2.); *ultramara:* blua „pli ol la maro"; *vertiĝo:* kapturno.

*(K. K.)*

# KANCERO DE ANIMO

JULIO BAGHY

II.

Kapitano Zentay ekstaris, lasis la skribmaŝinon. Li finis sian laboron. Disŝirinte la krajone faritajn notojn, li jetis la slipojn en paperkorbon. La raporto pri la memmortigo kaj la bulteno pri la mortinto jam maŝinskribite kuŝas sur la tablo. Li ĉirkaŭrigardis. En la ĉambro de la centra dejorejo nur estis du personoj: li kaj la indeksisto. La ceteraj foriris por ripozi. Ankaŭ la indeksisto dormis kliniĝante sur la grandan indekslibron. Ekstere sur la korto du policanoj babiladis en la silento de la nokto. Nediveneblaj frazĉifonoj flirtiĝis tra la fenestro.

La mieno de la kapitano ŝajnis ŝtoniĝinta memironio. Senbrue li metis la pretigitan protokolon antaŭ la dormantan indeksiston, poste li prenis cigaredon, ekfumis per profunda spirpreno kaj pensis pri tio, ke la memmortiganto ĉiam estas prava. Li metas punkton kaj finite. Onidire, la memmortiganto estas malkuraĝa, timas la suferojn. Sed ĉu estas racie kaj prudente nur suferi sen espero pri resaniĝo? Kiu havas kanceron de animo, pereu. Kiel bela estus la vivo, se nur korpe-anime sanaj homoj ekzistus!

Hodiaŭ posttagmeze, antaŭ ol oni portis for la mortinton, li sekrete premis ĝian malvarmiĝintan manon. Li sentis, kvazaŭ li adiaŭus de parenciĝinta homo. Jes, li adiaŭis silente, iom melankolie, kun tiu envia penso, ke al tiu jam estas bone, al tiu jam nenio doloras, kaj tiu ne devas porti ĉiaman maskon. Tiu liberiĝis. Kiam lia mano ŝoviĝis en tiun de la mortinto, momente ektremis lia koro pro penso. Jes, pro penso, jam delonge maturiĝanta en lia animo, en tiu animo, kiun same unu sola frazo mortvoke vundis.

Lia rigardo trafis la vesthokaron. Liaj mantelo kaj dejorrimeno kun la revolverujo pendis tie. Minutojn kvazaŭ hipnotigite li rigardis ĝin kaj pensis pri sia revolvero, ricevita iam en sia oficejo. Tradicihava armilo ĝi estas. Ĝi ne pafas al krimuloj, al animmurdistoj. Li heredis ĝin de sia kolego, kiun forlasis la edzino. Tradicihava revolvero, la propran mastron savanta de suferoj. Superstiĉa timo regis lin, kiam li ĝin transprenis, kvankam tiutempe la firmamento de lia vivo estis sennuba, kaj tiu virino, kiun sia didonita edzineto li konis dum dekvin jaroj, tiu bibliema vivkunulino apartenis al li, nur al li. De sur la tablo de ŝia amo ne sole paneroj de kompato estis lia parto. Por la amo ŝi donis plenan amon, por la fideleco fidelecon, por la prizorgemo prizorgon, kaj nun... Ne! Estas neeble treni longe tiun ĉi inferan doloron! Tio ĉi estas nekuracebla. Li havas kanceron de animo. Kial vivi plu? Tio ĉi ne estas ja vivo, sed longa agoniado.

Li ekiris al la vesthokaro, dum longa minuto meditadis ĉe la revolverujo, poste malfermis ĝin... Ĝi estis malplena. La revolvero mankis, kvankam li memoris, ke antaŭ la komenco de la dejorado li prenis ĝin al si. Estis ja lia devo fari tion. Ĉu li lasis ĝin hejme sur la tablo? Vere, dum la lastaj semajnoj kun superstiĉa antaŭtimo li kaŝis ĝin for de si mem. Li timis la mortvokan sorĉon de la tradicihava armilo, sed hodiaŭ... Jes, tute certe, ke li prenis ĝin al si.

Li ĉirkaŭrigardis kaj surprizite rimarkis, ke en profundsina fotelo iu sidas kaj atentas pri ĉiu movo lia: la kuracistmajoro. Kiel okazis, ke li ne rimarkis lin ĝis nun? Jes, ja! La dorso de la fotelo kaŝis lin, kaj de la tableto, kie la skribmaŝino staras, estis neeble lin vidi.

— Sinjoro majoro, ĉu vi maldormas? Kial vi ne ripozas, kiel la aliaj? — Post momenta paŭzo li embarase aldonis. — Vi povus trankvile retiriĝi. La nokto promesiĝas sufiĉe kvieta. Se io tamen okazus, vi scias, ke oni vekos vin.

— Neeble! Mi havas *preventivan* dejoron — respondis duonlaŭte la kuracisto.

— Mi ne komprenas. Preventivan dejoron? Kion vi volas anticipe malhelpi?

— Nu, kolego, kiam iu polica oficiro tiel malmulte povas suvereni pri siaj sentoj kaj pensoj, kiel vi ne povis dum la posttagmezo, kaj por kiu la *kadavro* de fremdulo fariĝas *mortinto*, de kiu li manpreme adiaŭas, kiel vi faris, nu, tiu homo staras ĉe la abismo-

rando de la morto. Estas devo gardi lin, ĉar lin vokas, tiras la profundo kaj lin venenas la penso pri neniiĝo.

— Mi ne komprenas, kial vi diras tion al mi? Supozeble, vi ne pensas, ke mi... ke mi volas fari finon al la suferado. Ĉu? — kaj lia protestanta refuto estis tiel senforta, kiel praviga konfeso. — Cetere mi ne havas kaŭzon.

— Tio povas esti... eĉ tute certe, ke vi ne havas kaŭzon, kamarado... kaj vian revolveron vi ne serĉu! Ĝi estas ĉe mi, en mia poŝo. Tiel mi opiniis plej prudenta... Armilo ne decas en la mano de tiu, en kies animo la rememoroj pri feliĉa pasinteco batalas kontraŭ la senhava estanteco... Mi petas, proponu cigaredon al mi. Mia provizo elĉerpiĝis

La kapitano servoprete transdonis sian cigaredujon. Ili ambaŭ ekfumis kaj senvorte reciproke observadis unu la alian. Fine la kuracisto rompis la silenton.

— Tiru pliproksimen tiun fotelon, eksidu kaj ni babiladu. La nokto estas ankoraŭ longa. La indeksisto dormas.

La kapitano obeeme tiris la fotelon, eksidis vid-al-vide, kaj li sciis, ke la kuracisto estos sondanta la vundon de lia animo. Egale! Ŝajnis al li, ke ĉiu havas rajton fari tion. Oni ja povas nek utili, nek malutili plu. Iam en la vivprotekta sekcio de la polico ankaŭ li eksperimentis pri tiaj animkanceruloj kaj vane. Ankaŭ tiuj toleris sen plendo la konsolbandaĝon kaj poste deŝiris ĝin. Nun venis lia vico. Kion novan povas diri tiu ĉi kuracisto? Certe nenion tian, kion li ne diris jam al si mem.

— Kiomjara vi estas? — la kuracisto komencis.

— Kvindeksep... Unu jaron malpli ol la postagmeza mortinto.

— Jes!... Vi ne ŝajnas pli ol kvardeksep.

— Mi scias. Ankaŭ tiu mortinto ne ŝajnis esti pli, tamen li havis siajn jarojn.

— Nu kaj ŝi, la virino?... Kiomjara ŝi estas?

— Tridekok... Preskaŭ tiom, kiom la vidvino de la mortinto.

— Mi komprenas. Fantomado estis en via animo kaj nun vi pensas, ke la memmortiginto pravas. Ĉu?

— Jes... li metis punkton, faris finon al la suferoj.

— Neniu estas prava, kiu ĵetas for sian vivon pro ofendita vanteco. Vere, li faras finon al la suferoj, sed samtempe li senigas sin de tiu konsolo, kiun la vivo rezervis por li... Mortigi sin estas malkuraĝe!

— Pri konsolo vi parolas, sed kion la vivo ja povos prezenti post la unu sola, kiu regis ĉiujn fibrojn de via memo, kaj kiun vi sentis destinita por vi? Kion? Necesvirinon aŭ balzamkonkubinon! Jen! Dankon, mi ne ŝatas la surogaton.

— Mi miras pri via memvola miopeco... Krom la virino ekzistas ideoj kaj laboro... Kredu, ke nur la malsata egoismo, la ofendita vanteco veadas en vi.

— Nur tiu povas paroli tiel, kiu ne konas la doloron, formiĝintan el cent komponentoj La sufero de la ofendita vanteco naniĝas kompare al la naŭzo, al la pliiĝanta malestimo, al la seniluziiĝo, kiuj kaŭzas ofte eĉ vomsenton, kiam oni estas devigata vidi la perfektan purecon baraktanta en la propre elektita koto, sperti ties moralan degeneriĝon tiagradan, kio makulas per duboj eĉ la plej sunbrilajn tagojn de la kune pasigitaj jaroj. Neeldireble mi suferas... Mi pereos pro tio, eĉ se mi ne volos... Vidu, mi ne hontas konfesi kaj mi ne neas... Mi havas kanceron de animo. En ĝi kaŝiĝas la neapelaciebla verdikto. Mi devas perei.

La kuracisto ne respondis tuj. Li zorge estingis sian cigaredfinon sur la cindrujo. klinis sin pliproksimen al la vizaĝo de la kapitano, rigardis iom longe al liaj okuloj, kaj nur poste, tre mallaŭte li ekparolis.

— Ne!... Kancero de animo ne ekzistas, ĝi estas nur kreaĵo de via torturita fantazio, kaj... kaj... vi ne devas perei... Mi scias, kamarado mia, ke vi ne devos perei. Iam ankoraŭ mi pensis la samon kaj... jen vidu, mi sidas ĉi tie, vid-al-vide, kaj rememoras, ke foje ankaŭ mi prenis revolveron en la manon kontraŭ mi kaj iu forbatis ĝin el mia mano... De tiam pasis jam dek jaroj, jes, eĉ pli ol dek jaroj.

— Kaj ŝi? La virino? Kio okazis al ŝi?

Malgaja rideto vibris en la okuloj de la kuracistmajoro por momento. Li skrupule konsideris la respondon: ĉu diri la nudan

veron aŭ mensogi? Estas ja miraklofaraj mensogoj, kies fiktiva forto efikas pli ol tiu de la aprobitaj medikamentoj. Almenaŭ kelkfoje. Li elektis la mensogon.

— Ŝi revenis. La korkaresaj memoroj pri la pasinteco rekondukis ŝin. Nun ankaŭ ŝiaj haroj blankiĝis. La nova situacio igis min forgesi tiun intermezon, kiu iam fatale sufokadis la vivovolon en mi.

— Ĉu ŝi revenis? — en la voĉo de la kapitano vibris la surprizo.

— Jes, ŝi revenis kaj ankaŭ ŝia animo fariĝis tiel blanka, kiel ŝiaj haroj... Jes, jes, ŝi revenis — kaj en la rigardo de la maljuna kuracistmajoro melankoliis la revo neniam realiĝinta. Kiel bone estas mensogi tion realajo, kion la vivo ĉiam forneis de li. — Aŭskultu! Foje mi aŭdis de iu, aŭ mi legis ie, ke la homo estas dupieda besto kaj la besto estas kvarpieda homo. La diferenco estas nur en la nombro de la piedoj. Ni ambaŭ vivas ja sub la samaj naturleĝoj. Ni, homoj, ribelas, kaj ili, la bestoj, obeas al la samaj leĝoj. Tial ili ne havas animajn konfliktojn. Vidu, amiko, tiu filozofio tenis min viva. Mi klopodis kun humila obeemo klini mian kapon antaŭ la leĝaro de la naturo.

— Kaj la virino revenis... Ĉu?... Kaj vi forgesis ĉion. Ĉu? — kaj la vekita espersopiro kolorigis la voĉon de la kapitano.

— Jes! Ŝi diris, ke vivi sen mi ŝi ne povas.

— La samon ŝi diris ankaŭ al mi, sed tamen... Kaj vere ŝi revenis?

— Jes! Ni vivas kune... ŝi estas ĉe mi, kun mi — kaj la kuracisto sentis, ke tio ne plu estas mensogo, ĉar ŝi vivas en lia animo ĝis la tombo. — Jes, ŝi revenis.

— Ho, indulgema Dio, se ankaŭ al mi.. se eble... se... — kaj la akra amareco, la tortura doloro mildiĝis en li je la tuŝo de trompema espero. Lia retenita interna plorego preĝis por indulgo al la malplena ĉielo.

III.

Maja pluvego lavis la trotuarojn, la stratojn. Oni rifuĝis sub la protekton de la pordegovoloj. Ankaŭ kapitano Zentay haltis ĉe iu pordego kaj tiris sin en ĝian angulon. Li spionadis la firmamenton, senpense gapadis al la preterkurantoj, al la starantoj ĉe la kontraŭa pordego. Lia rigardo vole-nevole serĉis distron. Ĝi legis kaj relegis la nomojn sur la ŝildoj, lokitaj ambaŭflanke sur la muroj sub la pordego. Nur iom post iom li konsciiĝis pri tio, ke li jam la kvaran fojon legas nomon, kiu estas konata de li. „D-ro Dorthmuth p. kuracisto." Certe li konas lin. De kie? La litero „p." subite aperigis antaŭ li la tutan figuron de lia maljuna kuracistmajoro kaj revokis en lian memoron la historion pri reveninta edzino.

Subite ekregis lin la ideo viziti la majoron kaj konatiĝi kun lia edzino, propraokule vidi tiun virinon „kun la blankiĝintaj haroj" kaj „kun la animo, fariĝinta kiel blanka neĝo". Pretere li rigardis al la firmamento. La pluvego daŭros ankoraŭ dekon da minutoj. Li rigardis la numeron de la loĝejo: II-a etaĝo 4. Li ekiris al la ŝtuparejo kaj decidis motivi sian viziton „pro la longdaŭra pluvego".

En la dua etaĝo, ĉe la larĝa koridoro antaŭ la loĝejo de dr-o Dorthmuth, viciĝis longaj flortrogoj kun kolora pompo de la frua printempo. La fenestrojn kovris puntokurtenoj, supozeble faritaj de zorgemaj manoj virinaj. La anso de la pordo brilis pro pureco. Kapitano Zentay post momenta hezito premis la butonon de la sonorilo kaj la pordo baldaŭ malfermiĝis antaŭ li kaj li vidis aperi ĉe la enirejo simple, sed tre nete vestitan virinon kun duongrizaj haroj. El ŝia delikattrajta kaj senŝminka vizaĝo beleta kvazaŭ radiis la noktonigraj okuloj. La unuaminuta impreso pri ŝi estis, ke la vivo kaprice metis prujnotuŝitan hararon sur junan kapon. Dum la longmomenta observado li taksis dekkvinjaran aĝdiferencon inter la virino kaj la majoro Vere, tre agrabla animbrila vizaĝo. Iam certe ŝi estis enviinde bela.

— Ĉu la sinjoron majoron vi serĉas, sinjoro kapitano?

La koloro de la voĉo iom rememorigis lin pri provinca dialekto, pri voĉo de sopranrida vilaĝanino.

— Jes, sinjorino. Gabor Zentay, polica kapitano mi estas.

— La sinjoro majoro ne estas hejme, sed bonvolu iri en la salonon, ĉar baldaŭ li devos reveni... la tagmanĝo jam estas preta... Verŝajne pro la pluvo li iom malfruas...

— Verŝajne, sinjorino. — La kapitano paŝis en la antaŭĉambron. — Se esti tute sin-

cera, ankaŭ mi rifuĝis for de la pluvo ĉi tien, pliĝuste sub la volbon de la pordego kaj tie rimarkinte lian ŝildon...

— Do ne pro oficiala afero vi venis, sinjoro kapitano. Des pli bone! Mi metos ankoraŭ unu teleron sur la tablon kaj vi povos tagmanĝi ĉe ni. Espereble vi havas lupapetiton... Jen tien, al la salono, bonvolu eniri! Dume mi zorgos pri la tablo.

— Ne, ne! Neniel mi deziras ĝeni vin... La pluvo baldaŭ ĉesos kaj ...

— Restu, mi petas. La majoro tre ĝojos. Li ja tiom malofte havas gaston ĉe sia tablo... Kompreneble mi ne retenos vin per tagmanĝo, se via edzino atendas vin.

— Mi ne havas edzinon, neniun mi havas.

Ĉu pro hazardo, ĉu pro la amargusta tono, ŝi rigardis momenton al lia vizaĝo kaj poste kun rideto bonkora, kiu beligis ŝian vizaĝon, kvazaŭ surprize, ŝi ripetis la inviton.

— Nu, riĉan regalon vi ne havos, sed la majoro volonte dividos ĝin. Buljono, kuirita bovviando kun tomatsaŭco kaj rizpudingo, lia ŝatata frandaĵo... Tiom longe li postulas de mi „Manjo, faru jam foje rizpudingon", ke hieraŭ mi vizitis kelkdekojn da butiko por akiri rizon. Li asertas, ke mi bonege povas ĝin pretigi. Vi nepre devas ĝin gustumi, sinjoro kapitano.

Ŝi kondukis lin en la salonon, sidigis lin kaj rapide foriris por zorgi pri manĝilaro kaj teleroj al la gasto. La kapitano ĉirkaŭrigardis. La malnovmodaj mebloj atestis pri hejmoŝato de virinaj manoj. Sur la muroj pendis kelkaj pentraĵoj, sur la salontableto kaj la fortepiano floroj en vazoj, kaj tie, inter la du fenestroj, super la kanapo, pendis oleopentraĵo, portreto de distinginda belulino. Certe ĝi estas de bona pentroartisto, ĉar la penikumado, la koloroj respegulis veran vivon. Por rigardi la nomon de la artisto, li paŝis al la bildo. Nekonata nomo. Negrave, la portreto estas rave bela.

Li profundiĝis en la observado de la bildo kaj ne rimarkis la revenon de la virino.

— Ĉu plaĉas al vi? Ŝi estis multe pli bela, ol tie sur la bildo, kaj ankaŭ bonkora... jes, bonkora, mi diras.

— Pri kiu vi parolas? — la kapitano turnis sin surprizite al ŝi.

— Pri ŝi! Pri la edzino de la majoro.

— Nu, kaj vi, kio vi estas, sinjorino?

— Simpla mastrumantino, preskaŭ tiel malnova en la hejmo, kiel la meblaro de tiu ĉi salono. Mi estas unu meblopeco postrestinta.

La kapitano kun iom da embaraso aŭskultis la frazojn, diritajn de ridantaj lipoj.

— Nu, kaj... kaj la sinjorino ne estas hejme... ĉu ŝi foriris?

— For!

— Espereble baldaŭ ŝi revenos. Ĉu ne?

— Ne! Ŝi foriris kaj ne plu revenos.

— Kiam? Ĉu denove okazis io?

— Mi ne komprenas, pri kio vi aludas per tiu „ĉu denove okazis io"? Laŭ mi nur unufoje okazis io, antaŭ dekunu jaroj. Tiam ŝi foriris kaj ne plu revenis kaj postlasis min ... jen ĉio!

— Mi tute ne komprenas... Antaŭ monato aŭ ses semajnoj la majoro ja diris al mi, ke ŝi revenis... ke ŝi vivas kun li... kaj nun?

La noktonigrajn okulojn de la virino subite vualis larmo retenata. Ŝi duonvoĉe, preskaŭ al si mem respondis.

— Reale ŝi foriris, sed image ŝi neniam forlasis la domon... Mi scias... sed kion fari?

La kapitano nur nun rimarkis la ŝanĝiĝon de ŝia mieno kaj la esprimon de la okuloj, en kiuj rebrilis pale la memvole akceptita martireco.

— Kaj vi... vi kial restis?

— Por eltordi la revolveron el lia mano kaj... kaj mastrumi en la forlasita hejmo.

La prisilentitan konfeson li komprenis. Jen la konsolo, etendita de la Vivo! La necesvirino, la balzamkonkubino! Unu servistino, dungita ino por mastrumi... por servi ...Sed kiam lia rigardo eniĝis plu en tiun de la noktokula simplulino, li hontis pri siaj pensoj kaj lia koro pleniĝis de varma kompreno, homa simpatio al ŝi.

— Ĉu vi konas lin delonge?

— Tridek jarojn mi servas en lia hejmo. Kiel juna fianĉino mi venis servi al ili por pliigi mian doton. La fianĉon forprenis la unua mondmilito. Mi restis. Ili ambaŭ estis tre bonaj, amindaj... kaj kiam li restis sola, ĉu mi rajtis forlasi lin, kiu estas tiel bonkora, kiel homo, viro povas esti bona?!...

Mi restis. Tridek jaroj estas longa tempo. Ĉu ne, sinjoro kapitano?

— Jes, tridek jaroj estas tro longa tempo por rekomenci ion novan.

— Sed kial rekomenci? Diru! Komenci ion novan oni povas ja post morto de io finita... Ĉu? Rekomenci estas neeble... Almenaŭ mi tiel pensas. Ĉu mi pravas?

— Vi pravas — kaj li pensis pri tio, ke ankaŭ la sentoj naskiĝas kaj mortas. La tragedion kaŭzas la ne samtempa morto de la sama sento ĉe du animoj. Subite li rekonsciiĝis pri sia situacio. Kio okazus, se la kuracistmajoro trovus lin en sia hejmo? Li ne volas embarasi la bonkoran kolegon, kiu iam mensogis, aŭ diris la veron de la fantazio por lin savi. La pluvo ŝajnis maldensiĝi, baldaŭ ĝi ĉesos. — Ĝuste mi memoras, ke mi promesis al amiko kune tagmanĝi. Pardonu, sed mi devas foriri.

— Ankoraŭ pluvas... Ĉu vere vi ne povas resti ĉe ni? Li certe ĝojus...

— Ne, neeble!... Kaj mi petas vin, ne menciu mian viziton... entute ne parolu pri mi. Hazarda okazaĵo: pluvis, iu kolego suprenvenis por trovi ŝirmejon kaj post ĉeso de la pluvo li foriris... Jen!

— Vere, mi tre bedaŭras... Tamen iom da rizpudingo... Gustumu ĝin! Ĝi bonege sukcesis, mi pensas.

— Ne! Dankon! Mi devas rapidi for. Eĉ urĝe — kaj li malfermis la pordon, paŝis en la antaŭĉambron kaj tre rapideme premis ŝian manon por adiaŭi.

— Vere, mi tre tre bedaŭras... Mi sentas, ke vi devus resti.

— Neeble! — kaj momenton hezitigis lin la gastama invito de ŝia afabla rigardo. Por rifuĝi kiel eble baldaŭ, li klinis sin al ŝia tenata mano kaj kisis ĝin kun sincera respekto.

— Sed sinjoro kapitano, kion vi pensas — ŝi proteste klopodis liberigi sian manon el la lia kaj ruĝiĝis ĝis tempioj —, mi estas jam kvardekokjara!

— Sed anĝelkora — komplimentis la kapitano kaj post momento jam li rapidis for tra la koridoro, kaj atinginte la ŝtuparejon, li spionadis malsupren por eviti eventualan renkonton al la kuracistmajoro.

## SALO KAJ PIPRO

RETO ROSSETTI

### LA PURISTO

Tre diligenta sciencisto
estis la profesoro Tvisto;
li esploradis sen eraroj
en plej tropikaj praarbaroj.
Dum riveregon li preteris,
l' edzino bela malaperis.
Gvidist' raportis post esploro,
ke manĝis ŝin aligatoro.
Tvisto ekĝemis: „Mia filo,
vi volas diri: *krokodilo.*"

### VIRA VIDPUNKTO

**„Women are a pretty poor lot, but they're the best other sex we' got."**

La virin' ne estas multo:
korpa logo, cerba stulto,
ruzo, trompo kaj adulto —
tamen mi koncedas:
ŝi estas malgraŭ ruzo-tekso,
malgraŭ plago kaj perplekso,
la plej bona kontraŭsekso,
kiun ni posedas.

### LA ETERNA GOLFLUDANTO

Mi memoras pri la tag',
kiam Germanuj' invadis:
golfludante al la flag'
mi la pilkon direktadis.
Ĉu la uloj venis por
al mi fari ian trudon?
Vere, ne — sed la angor'
tre perturbis mian ludon.

---

IV.

Pasis semajnoj. Iun sunbrilan posttagmezon de Junio, aŭto de la polico haltis antaŭ bulvarda ludomo. Du uniforme, unu civile vestitaj viroj descendis: policaj kuracistmajoro, kapitano, detektivo. Sub la volbo de la pordego la pordisto atendis ilin.

— Johano Lestjan mi estas, la pordisto. Mi atendis vin, sinjoroj.

— Kie troviĝas la loĝejo? — demandis la kapitano.

— Tria etaĝo. Lifto estas. Bonvolu, sinjoroj!

# Notoj el sub la pendumilo

## Julius Fuĉik

(Unu el la plej emociaj homaj dokumentoj publikiĝis nun. Ĝin verkis *Julius Fuĉik*, kaptita de la Gestapo, en la malliberejo Pankrac, apud Praha. La aŭtoro estis redaktoro de la marxista literatura revuo „Kreo" kaj ankaŭ de *Rudé Pravo,* oficiala gazeto de la ĉeĥa komunista partio. La 8-an de septembro 1943 la nacistoj lin ekzekutis.

Ĉeĥa malliberej-gardisto *Koltinsky* enŝtelis la paperon kaj plumon en ĉelon de Fuĉik kaj li reportis poste la notojn verkitajn per sekreta skribo. La edzino de la verkisto, post sia liberiĝo el la koncentrigejo, kolektis la numeritajn foliojn, kiujn gardis la amikoj de la verkisto.)

•

*24 horoj*

La 24-an de aprilo 1942. Estas kvin minutoj antaŭ la deka. Belega, varma printempvespero.

Mi rapidas, kiel mi povas, kvankam mi devas lami laŭ mia rolo de maljunulo — mi rapidas, ke mi alvenu al gekamaradoj Jellinek antaŭ la fermo de la dompordego. Mirek, mia „adjutanto" atendas min tie. Mi scias, hodiaŭ li havas nenion specialan por diri al mi, ankaŭ mi portas al li nenion. Sed forresto de priparolita renkontiĝo povus kaŭzi panikon kaj mi malamas ĉian superfluan ekscitiĝon.

Oni salutas min per taso da teo. Jam ĉeestas Mirek kaj la geedzoj Fried. Tio estas superflua risko. „Mi ĝojas, se mi povas vidi vin, gekamaradoj, sed ne tiel, kune, ĉimaniere. Tia ĉambro estas rekta vojo al la malliberejo kaj morto. Aŭ lernu la regulojn de la konspiro, aŭ rezignu pri tio, ke vi laboru kun ni, ĉar tio estas por vi danĝera."

— Komprenite.

— Kion vi portis al mi?

— La unuamajan numeron de Rudé Pravo.

— Bonege. Kaj vi, Mirko?

— Nenion novan. La laboro progresas bonege.

---

Li okupis la liftkajuton oficodigne, senvorte. Kun obtuza brueto la lifto ekleviĝis. La detektivo interesiĝis.

— Kio estis lia nomo?

— Gabor Zentay. Li estis polica kapitano. Bonmaniera, afabla viro li estis. Neniu estus pensinta, ke tiel . . .

Ĉio prezentis la kutiman bildon: grupo de la najbaroj, scivolemuloj sur la koridoro, la postenstaranta policano, kaj sur la mienoj kompato, scivolo.

La pordo de la loĝejo larĝe malfermita. Pura, bone prizorgita ĉambro. Punta tablotuko sur la tablo. Servico kompleta por likvoro kun tri glasetoj, plenaj de orflava alkoholaĵo. Malfermita adiaŭletero por la polico. Sur la kanapo kuŝis la duone deglitinta mortinto. Lian uniformon makulis nur la sango, flirtiĝanta tra la ŝtofo. Lian vizaĝon sensulkigis la morto, liajn lipojn kurbigis la doloro je ironia rideto. La vivestinga revolvero kuŝis sur la planko tie, kien ĝi forglitis el la mano de la mortinto.

La kapitano prenis la postlasitan leteron kaj laŭte legis.

*„Kamaradoj, pardonu al mi, ke mi donas laboron. Mi petas vin, malplenigu la glasojn, pretigitajn por vi, je la memoro de homo, liberiĝinta de siaj suferoj. Unuaranga, bonmarka brando ĝi estas. Espereble vi ne plendos pri ĝi . . . Kaŭzo de mia morto: kancero de animo. Nekuracebla malsano. Post la feliĉoplena pasinteco mi ne povis porti la senĝojan pezon de la estanteco. Mi estis tre sola, orfe forlasita en animo. Mi timis la sencelan maljunecon. . . . Al kuracistmajoro Dorthmuth transdonu mian saluton kaj diru, ke li nur simbole diris veron. Ankaŭ lia filozofio lamas. Ĉe la bestoj same ekzistas anima konflikto, krizo nesuperebla: la fidela hundo kondamnas sin je malsatmorto sur la tombo de sia mastro foririnta. Mi mortis ĉe la tombo, de murdita, kote makulita pasinteco bela . . . Vivu feliĉe kaj sane! Via iama kamarado: Gabor Zentay."* (Fino)

— Mi volis diri nur tiom. Ni renkontiĝos la unuan de majo. Mi sendos ankoraŭ sciigon. Ĝis la revido!

— Trinku ankoraŭ tason da teo.

— Ne, ne, kamaradino Jellinek! Ni estas tro multaj ĉi tie.

— Sed tamen unu tason da teo, mi petas. Leviĝas la vaporo de la freŝa teo.

Iu frapas ĉe la pordo. En tia malfrua nokto? Kiu povas esti?

La vizitantoj senpaciencas. Ili piedbatas la pordon.

— Malfermu! La polico.

— Rapide for tra la fenestro! Fuĝi! Mi havas revolveron, mi retenos ilin. Jam malfrue. Sub la fenestroj staras la Gestapo-anoj kun suprendirektitaj revolveroj. La ĉashundoj perfortas la pordon, venas en la ĉambron, en la kuirejon, unu, du, tri — naŭ! Min ili ne povas vidi, ĉar mi staras malantaŭ la pordo, facile mi povus pafi ilin de malantaŭe, sed ĉiuj pistoloj estas direktitaj sur la du virinojn kaj sur la tri senarmilajn virojn. Se mi pafos, kvin miaj geamikoj falos antaŭ mi. Se mi mortpafos min mem, ili ĉiuj estos mortpafitaj. Se mi ne pafos, ili iros en malliberejon por duonjaro, aŭ por unu jaro, la revolucio liberigos ilin. Nur Mirek kaj mi ne povos liberiĝi vivantaj: ili turmentos nin. Per mi ne multe perdos la afero, sed kion ĝi faros sen Mirek? Tiu ĉi homo traluktis la hispanan militon, dum du jaroj vivis en koncentrigejo en Francio kaj de tie li revenis al Praha meze de la milito. Ne, ankaŭ li ne parolos. Mi havas du sekundojn por pripensado. Aŭ tri sekundojn? Se mi pafos, mi defendos nur min mem kontraŭ la turmentadoj, sed mi endanĝerigos la vivon de kvar miaj gekamaradoj. Ĉu vere? Jes.

Mi decidis. Mi elpaŝas el la angulo.

— Ho, ankoraŭ unu.

La unua bato al mia vizaĝo. Sufiĉus por svenigi homon.

— Supren la manojn!

Ankoraŭ unu vangofrapo kaj ankoraŭ unu.

Precize tiel mi imagis la aferon.

La pura loĝejo nun estas amaso da rompitaj objektoj kaj mebloj.

Pluaj batoj kaj vangofrapoj.

— Antaŭen!

Ili puŝas min en aŭton. La revolvero celas al mia kapo. La veturilo ekiras.

— Kiu vi estas?

— Profesoro Horák.

— Mensogo!

Mi ŝultrotiras.

— Sidu trankvile, aŭ ni pafos.

— Ĝuste, pafu.

Anstataŭ pafo, vangofrapo.

Ni preteriras aŭton. Ŝajnas al mi, kvazaŭ blanka kurteno kovrus la fenestrojn. Nupta veturilo — nokte? Eble mi havas febron.

La konstruaĵo Peĉek, la ĉefkomendantejo de la Gestapo. Neniam mi pensus, ke mi venos ĉi tien. Ili pelas min al la kvara etaĝo. Ho, ho, la fama sekcio II/A, por la komunistoj. Mia scivolo kreskas.

Altstatura, dika oficiro staras antaŭ mi, sian revolveron li enpoŝigas kaj invitas min al sia kontoro. Li ekbruligas mian cigaredon.

— Kiu vi estas?

— Profesoro Horák.

— Mensogo.

Lia brakhorloĝo montras la 11-an.

— Traserĉu lin.

Ili paŝas al mi kaj komencas min traserĉi.

— Li havas karton de identeco.

— La nomo?

— Profesoro Horák.

— Kontrolu!

Ili telefonas.

— Kompreneble, li ne estas registrita. La karto de identeco estas falsa.

— Kiu donis ĝin al vi?

— La ĉefpolicejo.

La unua bato per la bastono, poste la dua, tria ... ĉu mi kalkulu ilin? Ne, nenie oni faras tiaspecan statistikon.

— Via nomo? Parolu. Via adreso? Parolu. Kun kiuj vi estis en interligo? Parolu! Ilia adreso? Parolu! Parolu, aŭ ni batos.

Kiom da patoj povas elteni la homo?

La radio signas noktmezon. Oni nun fermas la kafejojn, la lastaj gastoj ekiras hejmen. La geamantoj staradas en la pordegoj. La altstatura dika oficiro venas en la ĉambron kun amika rideto.

— Ĉu ĉio estas en ordo, sinjoro redaktoro?

Kiu diris tion al ili? Ĉu la geedzoj Jellinek? Ĉu la geedzoj Fried? Sed ili ja eĉ ne sciis mian nomon.

— Vi vidas, ni scias ĉion. Parolu. Estu prudenta.

Laŭ ilia vortaro tio signifas: estu perfidulo. Mi ne estas prudenta.

— Starigu lin kaj donu al li kelkajn.

Estas la unua. La lastaj tramoj kuras, la stratoj estas malplenaj, la radio adiaŭas siajn aŭskultantojn.

— Kiuj estas la membroj de la Centra Komitato? Kie vi renkontiĝas? Kie estas via aĉetejo? Parolu. Parolu.

De nun denove mi kalkulas la batojn. La sola turmento, kiun mi sentas: mia mordita buŝo.

— Detiru liajn botojn.

Vere, miaj piedoj ankoraŭ estas netuŝitaj. Kvin, ses, sep ... ĉiuj bastonbatoj falas samtempe ankaŭ sur mian cerbon.

Estas la dua. Praha dormas. Ie ekploras infaneto, kaj viro karesas la kokson de sia edzino.

— Parolu, parolu.

Per mia lango mi povas elpalpi, kiom da dentoj ili elbatis al mi. Mi ne povas kalkuli. Ĉu dekdu, dekvin, deksep? Ne, tio ja estas la nombro de la oficiroj, kiuj min observas. Kelkaj el ili videble jam estas lacaj. Sed la morto ankoraŭ ĉiam ne venas. La krepusko enŝtelas sin el la antaŭurboj.

Estas la tria. Aŭtobus-ŝoforoj, ĝardenistoj, stratpurigistoj ekiras al laboro. Eble mi travivos ankoraŭ unu tagon.

Ili enportas mian edzinon.

— Ĉu vi konas tiun ĉi homon?

— Ne, mi ne konas lin.

Eĉ por unu momento ŝi ne perfidis sin pro la vidaĵo. Pura oro. Ŝi tenis sian promeson, ke neniam ŝi rekonos min. Kvankam tio nun jam estas preskaŭ superflua. Kiu diris al ili mian nomon?

Ili forkondukas ŝin. Mi adiaŭas per unu-nura rigardo.

Estas la kvara. Ĉu krepuskas jam? La mallumaj fenestroj estas mutaj. Kaj la morto estas tre malrapida. Ĉu mi iam renkontos ŝin? Kiel?

Mi ekrimarkas iun, poste mi falas sur la plankon. Ili min piedfrapas. Nun jam rapide venas la fino. La nigra policoficiro min levas, kaptante min ĉe la haroj, kun diabla ridaĉo. Tio vere estas jam ridinda, ja nenion plu mi sentas.

La kvina horo — sesa, sepa, deka. Antaŭtagmezo. La laboristoj estas jam en siaj laborejoj. La infanoj en la lernejoj. La homoj vendas kaj aĉetas en la butikoj kaj poste iras hejmen por tagmanĝi. Eble mia patrino pensas pri mi en ĉi tiu minuto, eble miaj kamaradoj, kiuj scias, ke oni kaptis min, kaj kiuj nun faras la necesajn antaŭzorgajn aranĝojn ... Kion mi volis diri? ... Ne, vi povas kalkuli je mi, vere vi povas kalkuli je mi ... La fino jam ne povas esti malproksime. Ĉio ĉi estas nur ŝonĝo, freneza febrosonĝo. La batoj superŝutas min, poste ili verŝas akvon en mian vizaĝon, por ke ili retiru min en la mondon. Poste ankoraŭ pluraj batoj, laŭtaj krioj: Parolu, parolu, p a r o l u. Ankoraŭ ĉiam mi ne povas morti. Panjo, kial vi naskis min tiel forta?

Posttagmezo. La kvina. Ili ĉiuj jam estas lacaj, iliaj batoj falas pli malofte, kun longaj intertempoj. Fine el la maproksimo, el la senmezura malproksimo mi aŭdas voĉon, kiu estas trankvila kaj mola.

— *Er hat schon genug.* Li jam ricevis sufiĉe.

Iom pli poste mi sidas ĉe tablo, kiu min tenas, por ke ni ne falu. Iu el ili donas akvon. La alia ŝovus cigaredon en mian buŝon, sed mi ne povas ĝin teni. La tria provas surmeti mian pantoflon, sed li diras, ke estas neeble. Poste apogante ili portas min malsupren sur la ŝtuparo en aŭton. Dum ni kuras, unu el ili direktas sur min pistolon. Tio estas vere ridinda, en tia situacio! Ni preteriras aŭton ornamitan per blankaj floroj. Ĉu edziĝfesta veturilo? — sed — ĉio ĉi estas nura sonĝo. Febra, morta sonĝo. — Aŭ jam mem la morto. Sed morti estas malfacile. Jam estas lume — se vi ekspiras, vi forblovos la tuton.

Ĉu ĉio, ĉio malaperas? Ne, ankoraŭ ne. Denove mi staras ĉi tie, sola, sen ia apogo. Antaŭ mia vizaĝo estas malpura flava muro, makulita ... Per kio? Kvazaŭ estus sango ... Jes, ĝi estas sango. Mi tuŝas la muron per la mano ... Freŝa sango ... mia sango ...

Iu malantaŭ mia dorso ordonas, ke mi levu la brakojn, fleksu miajn genuojn. Mal-

supren, supren, malsupren, supren; je la tria fojo mi falas...

*SS* staras super mi, provas min restarigi. Li piedfrapas. Ne necesas piedfrapi. Iu lavas mian vizaĝon, mi sidas ĉe tablo, iu virino donas al mi ian medikamenton, demandas, kie doloras. Mi respondas, ke ĉiu turmento doloras en mia koro. — „Li eĉ ne havas koron" diras la *SS*. — Ho, certe mi havas ĝin kaj mi estas fiera pri mia koro. Denove malaperas ĉio, la muro, la virino, la medikamento kaj la altstatura *SS*.

Kiam mi rekonsciiĝas, malfermiĝas antaŭ mi pordo de ĉelo. Dika *SS* puŝas min internen, faligas min sur la pajlosakon, ĵetas post min miajn ĉemizojn kaj ŝuojn. Li bone vidas mian frakasitan korpon.

— Rigardu — li diras al sia kunulo —, kian bonegan laboron faris la knaboj.

El la malproksimo, denove el la senmezura malproksimo, mi aŭdas mallaŭtan, trankvilan voĉon:

— Nu, ankaŭ ĉi tiu ne vivos trans la mateno.

Post kvin minutoj estos la deka. Belega, varma printemp-vespero, la 25-an de aprilo 1942.

*Maja interludo en 1943.*

La unua de majo 1943. Denove proponos sin okazo skribi. Por unu minuto esti denove komunista redaktoro kaj skribi pri la batala majfesto de la nova mondo.

Ne atendu, ke mi parolu pri flirtantaj flagoj. Kaj eĉ pri grandiozaj faroj mi ne povas rakonti, kiujn tiel vi amas aŭskulti. Ĉio ĉi estis pli simpla, pli silenta ol alifoje, ne estis marŝantaj amasoj de centmiloj, kiuj ĉe la aliaj majfestoj plenigis la stratojn de Praha. Ne disinundis maro da milionoj, kiel en Moskvo sur la Ruĝa Placo. Vi ne povis vidi milionojn, nek centojn, estis nur kelkaj kamaradoj. Kaj tamen vi sentis, ke tio ne malpli gravas por ni, ĉar nova forto viviĝas ĉi tie, kiu tratempestas la flagrantan fajron kaj transformiĝas ne je cindro, sed je ŝtalo.

Eble ankaŭ vi, kiuj travivis la batalojn, komprenos ĉi tion. Eble vi komprenos. Kredu al mi, forto naskiĝas ĉi tie.

El la najbara ĉelo iu salutas la matenon per la melodio de Beethoven. Ankaŭ ĝi estas hodiaŭ pli pasia, pli solena, ol alifoje. La muroj rebatas laŭtan eĥon.

Ni surmetas niajn plej bonajn vestaĵojn. Ni ĉiuj, en ĉiu ĉelo.

En „plena ornamo" ni matenmanĝas. Antaŭ la malfermita fenestro de la malliberejo ni rigardas la marŝon de la karcer-gardistoj kun nigra kafo, pano, akvo. Kamarado Skorepa por la honoro de la unua de majo prenas tri biskvitojn anstataŭ la kutima du. Tiamaniere li volas esprimi siajn sentojn. Niaj fingroj sub la biskvito milde ekprenas unu la alian. Neniu el ni parolas — *ĉi tiuj* observas eĉ la ekfulmojn de niaj okuloj. Sed la mutuloj bone parolas per la fingroj.

Sub niaj fenestroj la virinaj malliberuloj faras siajn matenajn turnekzercojn. Mi stariĝas sur la tablon, de tie mi rigardas la korton. Eble ili suprenrigardos. Tiam ili min ekrimarkas kaj salutas per pugnigita mano. Kaj denove kaj denove tiel. Belega estas la korto tie malsupre — multe pli bela, ol iun ajn alian tagon. La gardisto ne vidas — aŭ eble eĉ ne volas vidi? Eble ankaŭ tio apartenas al la majfesto.

Nun sekvas ni. Mi gvidas la ekzercon. Knaboj, hodiaŭ estas la unua de majo, ni komencu ion novan. Eble la gardisto rimarkos, eble ne. Unua ekzerco: ni svingas la grandan martelon — unu, du, unu, du. Poste sekvas la movo de la serpo. La serpo kaj la martelo — la homoj komencas kompreni. Rideto flugas tra la vicoj, kun granda ĝojo ili faras la ekzercon. Knaboj, tio estas nia maja demonstracio, tiu ĉi ludo estas nia maja ĵuro, ke ankaŭ ni eltenos neŝanceleble, ni, kiuj iras al la morto!

Ree en la ĉelon. Estas la naŭa. La turhorloĝo de Kreml nun batas la dekan, komenciĝas la marŝo sur la Ruĝa Placo. La himno sonoras tra la tuta mondo. Ni enlasu ĝin ankaŭ en niajn ĉelojn. Ni kantas ĝin kaj la revoluciaj kantoj sekvas unu la alian. Ni ne volas resti solaj — kaj ni ne estas solaj. Ni apartenas al tiuj, kiuj ekstere en la mondo vivas libere. Ankaŭ ili batalas kiel ni...

Kamaradoj, ho kaptitaj kamaradoj,
malantaŭ muroj malvarmaj,
vi estas kun ni, eĉ se vi ne paŝas
inter niaj vicoj svarmaj.

# *LA SPIONO*

## *EUGENIUSZ MATWIEJCZUK*

Tio okazis en la memorinda jaro 1939.

— — — — — — — — — — — — — —

Nigra malespero inundis la animon de Jan Cielski — soldato de la kvina kompanio, de naŭa infanteria regimento, staciumanta siatempe en Zamosc. Lia regimento estis hodiaŭ disbatita en la regionoj de Krasnystaw, post la tuttaga neegala batalo kontraŭ la superantaj fortoj de malamiko. Vanaj estis la malesperaj fortostreĉoj de komandantoj kaj senekzempla heroeco de soldatoj: la 9-a infanteriregimento estis dispelita je batalnekapablaj etaj grupoj, vagantaj senorde kaj serĉantaj en la krasnystavaj arbaroj ian ajn azilon kontraŭ la senĉesa kanonfajro de la germanoj kaj la bomboj de la germanaj aeroplanoj. Sed kontraŭ ili estis nenia savo, nenia azilo: ŝajne misteraj, krimecaj manoj indikadis al germanaj aeroplanoj kaj germana artilerio la maskitajn celojn, kaj kie kaŝiĝis la malfeliĉaj restaĵoj de la pola armeo, ĉien tondregis per senĉesa, murda fajro la germanaj kanonoj, el ĉielprofundoj falis la eksplodanta fero...

— Spionoj, agentoj de germana informservo... — diris la soldatoj. Oni diris, ke tiuj krimuloj estas ofte kaŝiĝantaj en uniformoj de polaj oficiroj kaj soldatoj. Kiom da vero estis en tiuj onidiroj? La soldato Cielski ne sciis, li tamen sentis, ke ili ne estis sen certa verŝajno. Spionoj. Li sentis ilian ĉeeston. La pasinta terurgraveda tago konfirmis liajn supozojn: la grupo, al kiu li estis apartenanta, estis en tiu tago trifoje bombardata kaj dispelata per la germanaj bombaviadiloj. Ne helpis la arbaraj densaĵoj. La malamiko konstante trafis la kaŝlokojn de la malfeliĉa, dekonigita grupo. Tio estis la plej terura, malĝoja tago el ĉiuj tagoj de la negaja vivo de la soldato Jan Cielski.

— — — — — — — — — — — — — —

La varma septembra nokto per funebra krepo ĉirkaŭvolvis la teron fumantan de militbrulego. La soldatoj nehome turmentitaj de tuttaga batalo, persekutitaj de germanaj bombaviadiloj, dormas per malmola, ŝtona dormo. Ĉirkaŭe regas silento. El la malproksimo aŭdiĝas murmurego de surda kanonado — ie daŭras la batalo, sed tio estas jam la lastaj ektremoj.

Silente bruetas la arbaro. Post la tago plena de batala tumulto, tiu silento per kvietiga balzamo surfluas la turmentitan, rompitan animon de la soldato Cielski. En tiu

---

Jes, ni estas kun ili.

En la 267-a ĉelo — laŭ nia kredo — ni finis bele la feston de la unua de majo. Sed ni eraris. Iu gardistino el la koridoro de la virinoj vagadas ekstere sur la korto kaj laŭte fajfas la marŝon de la Ruĝa Armeo. Poste la Partizana Kanto eklaŭtas sur ŝiaj lipoj kaj ankoraŭ kelkaj sovjetaj kantoj. Tiel ŝi kuraĝigas la virojn. La uniformita ĉeĥa gardisto, kiu portis al mi paperon kaj plumon, gardas ekstere antaŭ la pordo, por ke neniu min surprizu dum skribo. Kaj la ceteraj, kiuj elkontrabandas la plenskribitajn foliojn, gardas tiujn, atendante, ke foje ili povu tiujn publikigi. Ili riskas sian kapon por peco da papero, ili riksas sian vivon, por ke ili konstruu paper-ponton inter la nuna malibero kaj la morgaŭa libero. Ili ĉiuj batalas en unu batalo, ili batalas kuraĝe, kia ajn armilo estas en ilia mano. Ili faras sian taskon tiel simple, modeste, silente, ke vi eĉ ne povas tion imagi.

Dekfoje, dudekfoje vi vidis jam certe la soldatojn ĉe la festo de la maja revolucio. Kaj tio estis mirinda vidaĵo. Sed nur dum lukto vi povas vidi la veran forton de tiu ĉi armeo kaj tiam vi komprenos, ke ili estas nevenkeblaj. La morto estas pli simpla, ol vi pensis, kaj la heroeco ne metas glorlumon super ilian kapon. Sed la batalo estas pli kruela, ol vi pensis, kaj terura forto necesas por elteni ĝis la venko. Vi vidis batali tiun ĉi armeon, sed ne ĉiam vi konis ĝian forton.

Vi jam konas ankaŭ tiun.

Dum la festo de la unua de majo 1943.

El la ĉeĥa: *L. Urban*

silento malĝoje, kiel nekvietigita plendo, sonetas la ronkado de la malfeliĉkunuloj, silente bruetas kaj ekkraketas la branĉetoj sub la piedoj de gardostarantoj. La malmola sonĝo trankviligis la turmentitajn lacigitajn korojn de la soldatoj. Nur la soldato Cielski ne dormas. Li ne povas endormiĝi. Kial? La soldato Cielski rigardas en la krepuskon: antaŭ la malfermitaj okuloj preterŝoviĝas la vizioj de estinteco, la rememoroj de pasintaj tagoj — de tiuj antaŭaj kaj lastaj tagoj de la paco. Sur la nigra ekrano de la krepusko, antaŭ la okuloj de Cielski preterŝoviĝas filmobildo, bildo plena de diversaj vidaĵoj — moviĝema filmobildo de lia vivo. Kaj la soldato Cielski komencas miri — tiom klarajn, esprimoplenajn filmojn oni ne vidas eĉ en plej bonaj kinejoj. La soldato Cielski neniam supozis, ke rememoroj povas esti tiel esprimoplenaj, preskaŭ videblaj, tuŝeblaj...

Kaj sur la krepuska ekrano traŝoviĝas la bildoj, preterŝoviĝas la vizioj, enkorpigitaj rememoroj: malgaja infanaĝo, malsato kaj mizero en la hejmo, la patro —fervojoficisto de dekdua grado... la groŝaj perlaboroj... mizerego...

...Kaj poste la tragedia morto de la patro ĉe fervoja katastrofo, nepriskribebla malespero de la patrino... ŝia spasma plorego kaj subite poste histeria, freneza ridego... tio — frenezo... frenezuldomo... poste la komuniko: — Via patrino mortis... englutis vitron... la fino de la unua akto de la tragedio — du tombomontetoj en mizera, vilaĝa tombejo...

La dua akto: finitaj revoj pri lernado, pri studoj, pri kariero... apenaŭ mizera atesto pri finitaj ses klasoj de gimnazio... malĝojaj, grizaj, monotonaj tagoj, plenaj de enuiga, malmultodona laboro, laboro de unua helpanto de ĉefa librotenisto en ia malbone prosperanta konstru-entrepreno en K. — urbeto malgranda, perdiĝinta inter la pinskaj marĉoj. Fluas la grizaj, monotonaj tagoj...

Sur la elimagita ekrano la flagrantaj rememoro-bildoj surprenas frenezecan impeton, fariĝas pli kaj pli esprimoplenaj, videblaj... aperas nova persono — tio estas Andreo — lia pli aĝa frato. Andreo — tio estas fiero de ilia familio, kvankam li jam delonge foriris de sia familio kaj ŝiris ĉiajn kontaktojn kun siaj gepatroj por ĉiam — la gepatroj riproĉadis al li, ke li tro multe da tempo dediĉas al muziko. — Iru kaj serĉu ian laboron, la muziko ne donas al vi manĝi... per muziko ankoraŭ neniu iĝis riĉa — paroladis ĉiutage la patro. — Jes, la patro pravas, mia Andreĉjo, la violono ne donos al vi panon — ripetadis post la patro la patrino. Andreo forlasis siajn gepatrojn kaj forvojaĝis. Li studis en konservatorio en Lvovo, en Varsovio kaj poste elveturis Germanujon. De kie li prenis monrimedojn? Oni ne sciis. Iu havigadis al li grandajn monsumojn, kiu, pro kio!? Neniu sciis. Longan tempon post la forvojaĝo de Andreo al Germanujo, estis pri li nenia ekaŭdo. Sed jen post forpaso de tri jaroj, la nomo de Andreo Cielski venis subite sur suprajon en aŭreolo de gloro: Andreo Cielski, polo, la filo de malriĉa fervojoficisto en S. — fenomena violinisto! — kriadis per grandaj nigraj literoj la unuaj paĝoj de ĉiuj gazteoj kaj revuoj en ĉiuj eŭropaj ŝtatoj. La famo de Andreo Cielski, fenomena virtuozo kreskis ĉiutage. Pri liaj koncertoj en Berlino, Bruselo, Parizo skribis la gazetaro de la tuta kultura mondo. Ovacioj, festenoj, baloj aranĝataj je lia honoro daŭris en senfinon. Oni diris, ke li akiris milionan havaĵon...

Kaj dume la gepatroj de la fama virtuozo vivis en ekstrema mizero, forgesitaj de la malinda filo, suferante malsaton kaj la lastan malriĉon.

— Ni meritas tion — parolis ofte la patrino —, Andreo volas scii pri ni nenion, ni volis rompi al li la karieron, ni ordonis al li la forlason de la violono... ni entute meritas la punon...

— Jes, ni meritas... — ripetis aŭtomate la patro.

La soldato Cielski rememoras kun penetra precizo ĉiun detalon: du semajnojn post la morto de la patrino, aperis subite Andreo. Iu komunikis al li la tragedian akcidenton de la gepatroj, ĉar la gazetaro eĉ per eta vorto ne anoncis pri tio. Andreo ne montris tro grandan kortuŝon pro la akcidento. — La gepatroj celis rompi al mi la vivon — li diris riproĉe —, vi ja scias, Joĉjo, kiel rilatis al mi la mortintoj. Sed vin mi amis kaj amas

kiel fraton. Ne timu, mi anstataŭos al vi la gepatrojn. Mi faros vin homo. Vi estos mia impresario. Post du jaroj vi devas fini la gimnazion kaj poste ni forveturos Germanujon, ĉar, sciu, Joĉjo, nur la germanoj sciis pritaksi mian talenton, kaj, nur dank' al ili, mi atingis mian karieron.

La tria akto: Forpasis tri jaroj. Jan pretiĝadis por la lasta ekzameno. Andreo faris la lastajn preparojn por sia elveturo al Germanujo. La fratoj estis forveturontaj en septembro. Andreo efektive anstataŭis al la malpli aĝa frato la mortintajn gepatrojn. Li patre zorgis pri li, eldonadis ne malgrandajn monsumojn por lia lernado kaj prenis lin kun si al siaj koncertoj en Varsovio, Lvovo kaj aliaj pli grandaj polaj urboj. Li konigadis al Jan la devojn de impresario. La famo de Andreo komencis radii ankaŭ sur la estontan impresarion. — La impresario de Andreo Cielski estas lia naska frato — oni komencis diri en la mondo. Jan sentis, ke lia frato efektive faras lin „homo", ke li donas al li eblon de estado inter la pli altrangaj tavoloj de la socio, ke lia nomo, ĉe la fama nomo de lia frato, fariĝas pli kaj pli populara. Kaj li sentis, ke li ekamas sian fraton per senmezura, grandega amo, per kiu nur povas ami la amata filo siajn amantajn gepatrojn. Lia amo ekis alpreni la formojn de ia pieca apoteozo: — Mi amas kaj adoras vin, Andreĉjo, frato mia, por ĉio, kion vi faris por mi. Kaj mi fieras, ke vi estas mia frato, ke mi estas la plej proksima parenco ne nur de la fama virtuozo, sed ankaŭ de la plej nobla, plej bonvalora homo en ĉi tiu mondo.

Tiel parolante, Jan ĉirkaŭbrakis la kolon de sia frato, kun amo rigardante en liajn okulojn.

Kaj en tiuj momentoj Andreo ne malpli sincere redonis la karesojn kaj diris: — Finu pli rapide tiun vian gimnazion kaj ni forveturu Germanujon. Germanujon, Germanujon . . .

Kaj poste la kvara kaj lasta akto de la tragedio — la milito. Finiĝis la revoj, falegis ĉiuj intencoj kaj planoj. La soldato Cielski rememoras, kvazaŭ ĉio okazus hieraŭ: en la stacidomo milopaj homamasoj — tie la patrinoj, patroj, edzinoj kaj infanoj adiaŭas siajn plej karajn estaĵojn forveturantajn al la fronto. Universala plorado: milopaj homamasoj ĵetas miloblajn adiaŭvortojn; la histeriaj, malesperaj kaj malesperigaj ekkrioj de svenantaj virinoj, la sonoj de soldatorkestroj, la ĝenerala tumulto kunverŝiĝas en ian malbonaŭguran, depriman kakofonion. La korpon de Cielski ekskuas tremo de muta, doloriga malespero. Inter la ĝenerala ploro, la fratoj falis en ĉirkaŭbrakojn kaj restis tiel longan tempon senmove. La soldato Cielski neniam forgesos tiun momenton: — Memoru, kien ajn ĵetos vin la sorto, mia frato plej kara, Dio vin gardu kaj defendu. Memoru, kion vi faris por mi, kaj mia amo, ho Andreĉjo amata, gardu vin kaj savu kontraŭ ĉia malbono. Kaj sciu, ho karulo, ke mi kredas senhezite, ke vi revenos viva kaj sana. Dio vin gardu . . .

— Kaj vin ankaŭ savu kaj gardu Dio, Joĉjo . . .

Tio estis la lastaj vortoj de la fratoj.

Ankoraŭ unu manpremo, lasta frata kiso kaj la fratoj eniris siajn vagonarojn, kiuj forveturigis ilin en du kontraŭajn direktojn, kvankam al komuna celo — al la f r o n t o.

Ĉar en tiu tago la germanaj armeoj jam transpasis la okcidentan landlimon de Polujo. Ili marŝis orienten venkaj, potencaj, feraj . . .

La soldato Cielski sentas, kiel du varmegaj larmoj aperas sur liaj palpebroj kaj trafluas sur la vangoj. El lia brusto elŝiriĝas ekĝemo:

— Kie vi estas nun, Andreĉjo, kie vi estas, mia frato plej kara, sola? . . .

Lacigita fine de la grando de netolerebla anima turmento, Cielski surfalis inerta la herbon kaj dronis en dormo febreca, plena de strangaj vizioj.

— — — — — — — — — — — — — —

— Spiono . . . spiono! . . .

La soldato Cielski saltleviĝis rapide. La peza dormo subite malaperis. Traŝovinte la dormemajn okulojn, Cielski ekvidis en la lumeto de tagiĝo kelkajn siajn kamaradojn vigle interparolantaj. Sur iliaj vizaĝoj pentriĝis neordinara ekscito. — Spiono, spiono . . . oni kaptis spionon! — vokadis multaj voĉoj — li staris ĉe arbarorando kaj signalis al iu per poŝa speguleto . . . en uniformo de subleŭtenanto . . . fremda, al neniu konata . . . baldaŭ ree alflugos germanaj bombaviadiloj — kruciĝadis en la aero la ekvokoj de eksciт-

itaj soldatoj —, rigardu, jen oni lin kondukas! ...

Sur la arbara herbejo bruis, kiel en abelejo. — Spiono ... donu lin ĉi tien, sur brančon — ekfalis koleraj, malamon spirantaj vortoj —, sur brančon, sur brančon ... dishaki la krimulon je etaj pecoj! Ci, damninda rampaĵo, perfidulo! ... — kelkaj konvulsie kunpremitaj pugnoj surfalis la vizaĝon de la kaptito, fingroj kroĉiĝis en lian hararon ... aŭdiĝis mallonga dolorekĝemo ... el la disbatita vizaĝo de la spiono ekfluis sango ...

La soldato Cielski rigardis la vizaĝon de la kaptito kaj ... neparolebla teruro, teruro limanta kun fenezo ektaŭzis subite tutan lian estaĵon. La haroj stariĝis al li sub la ĉapo, li sentis, ke li svingiĝas sur siaj piedoj kaj ke post momento li falos:

Sen ĉiaj iluzioj kaj duboj, la kaptito estis lia amata frato ... Andreo.

— Lasu lin! — falis subite ies laŭta ordono. — La krimulo meritas pli severan punon, ol ordinaraj vangofrapoj!

Oficiro en uniformo de leŭtenanto, kiu en la pasinta tago alprenis la komandantecon super la grupo, proksimiĝis al la spiono kaj, mezurante lin per malamplena rigardo, ĵetis mallongan demandon, similan al tinto de elingigata sabro:

— Kiu ci estas?

La kaptito eklevis la kapon kaj per vitrecaj okuloj ekrigardis la vizaĝon de la oficiro. Sed el la konvulsie kunpremitaj lipoj falis nenia vorto.

— Kiu ci estas?! Krimulo, perfidulo, germana servistaĉo! ... — fortaj batoj de pugno surfalis la vizaĝon de la malbonfaranto.

Sed ankaŭ tiufoje nenia respondo eliĝis el la buŝo de la spiono. Li ŝajnigis esti tute senkonscia: li reagis nek la demandojn, nek la batojn, kiuj faladis sur lian sangmakulitan vizaĝon. Nur unufoje li rapide levis la kapon kaj lia rigardo renkontiĝis kun tiu de Cielski. Liaj lipoj subite malfermiĝis, kvazaŭ ili volus komuniki al la soldatoj ian gravan kaj grandan sekreton; en la senvivaj, vitrecaj okuloj ekbrilis ia stranga sopiresprimo, la sangmakulita vizaĝo kovriĝis per kadavra paleco, sed post momento la okuloj renebuliĝis, kunpremiĝis la paliĝintaj lipoj kaj la kapo kliniĝis malsupren, sur la bruston.

— Morton al la spiono! — ekkriis kiel je komando la soldatoj —, pendigi lin piedalsupre, dispecetigi!! ...

Inter la bruado kaj ekkrioj de la soldatoj ektondris denove la voĉo de la grupestro:

— Pro spionado kaj pro perfido de cia popolo, ci estas kondamnita je morto. Ci mortos dispafigita! ... Silentu!! — li ekkriis subite kontraŭ protestoj de soldatoj —, la soldato estas kaj ĉiam estos nur soldato: — soldato neniam estos ekzekutisto kaj neniam estos pendiganto, ĉu vi komprenas?!

Post tiuj vortoj li per du rapidaj manekmovoj forŝiris de sur la brakoj de la kaptito la epoletojn kun la oficiraj steletoj.

— Alligi lin al arbo kaj ĉirkaŭvolvi liajn okulojn!

La ordono estis tuj plenumita. Oni alligis la spionon al arbo per la ŝnuroj, per kiuj la soldatoj purigas ĝenerale la karabentubojn, kaj la okulojn ĉirkaŭvolvis per lana soldata ŝalo.

— Kaj nun vi, vi, vi, vi ... — la oficiro indikis per fingro la pli proksime starantajn soldatojn — kaj vi — la fingro de oficiro ektuŝis la bruston de Cielski —, vi ĉiuj, kiel ekzekutista taĉmento efektivigos la mortverdikton, ĉu vi komprenas?

— Jes, sin ... sinjoro leŭten ... leŭtenanto — la voĉo de Cielski rompiĝis subite en ĝemspasmon.

— ... Mia frato — spiono, mia Andreo, mia amata Andreo estas perfidulo kaj spiono ... nun mi jam komprenas, de kie li havis la monon ... nun la afero estas klara ...

... kaj mi kun miaj kamaradoj nun devas efektivigi la ... mortverdikton ... ho, Dio ... kia turmento ...

La animo de Cielski bolegis en la flamo de diversaj, plej antagonismaj eksentoj, senlima kompato, malespero kaj bedaŭro miksiĝis kun kolerego, malestimo, abomeno kaj hontego en unu monstran psikan ĥaoson, kiu lin frenezigis, kiu frostigis la sangon en liaj vejnoj.

— — — — — — — — — — — — — — —

— Ekzekutista taĉmento, al mi, kure marŝ'! — La voĉo de leŭtenanto sonis malmole kaj apodikte.

— Ne timu — diris la leŭtenanto al la soldatoj per mallaŭtigita voĉo. — La morto,

per kiu mortos la renegato, ne estos tiel facila, kiel vi imagas. La morto estos tia, kian tiu perfidulo prave meritis. Kiel vi nomiĝas?

— La leŭtenanto turnis sin subite al unu el inter la soldatoj. — Soldato Respondek? Do, soldato Respondek, pretigu kelkajn kuglojn kaj atendu bone: surgenuiĝu antaŭ la spiono — li vin ne vidos, ĉar li havas ĉirkaŭvolvitajn okulojn — kaj kiam sonos la komando: — Salvo! — vi ĵetos la kuglojn sur lian bruston, ĉu vi komprenas? Kaj vi ĉiuj — la leŭtenanto turniĝis al soldatoj de la ezekutista taĉmento — vi faros la salvon tiamaniere, ke la kugloj flugu preter la kapo de la krimulo, ke li aŭdu ilian fajfon, vi komprenas? Ĉu vi konscias, kion li travivos en tiu momento? *Li ekpensos, li devas ekpensi, ke lian bruston penetras la kugloj, ke tio estas jam lia lasta momento! Ĉu vi tion komprenas?* La krimulo, ne mortante, estos tamen tute *konvinkita*, ke li jam mortas! Kaj ĉu vi scias, kio estos la rezulto?! *En la sekvanta momento la krimulo mortos*, ĉar liaj nenature streĉitaj nervoj ne eltenos. *La mortsugestio alportos* por li la morton, sed tiu *sugestita morto* estos por li la plej timiga el ĉiuj imageblaj mortoformoj kaj mortmanieroj.

En la voĉo de la oficiro sonis sadismo, en la okuloj embuskis frenezo.

— Kaj se . . .

Nehoma konsterno frostigis la rigidiĝintan animon de Cielski. Li rigardis la nebulajn okulojn de la oficiro kaj sentis kun kreskanta hororo, kiel frenezo ensteliĝas en lian ardplenan cerbon.

— . . . kaj se li tamen mirige restus viva — daŭrigis la duonfreneza oficiro —, se li divenus la sencon de la torturo, tio faros al li la morton ankoraŭ pli timiga: aŭdante la sekvantajn pafojn, aŭdante la fajfon de kugloj, la renegato *estos devigita* ĉe ĉiu sekvanta salvo solvi la turmentan enigmon: — ĉu tiu ĉi salvo, tiu ĉi kugloekbato sur la brusto estas nun jam la *mortiga, la vera*, aŭ ree, kiel la unua — nur *fikcio?* La renegato ne scios, ĉu en tiuj sekunderoj li *ankoraŭ vivas, aŭ jam mortas?* Kaj tiu senscio, tiu malcerteco centobligos lian psikan turmentegon ĝis tia grado, ke li mem *ekdeziros la veran morton*, kiel savon. Sed la vera morto ne venos tiel rapide, ho, ne: post la turmentoj psikaj, venos turmentoj fizikaj — oni trapafos al li la manojn, piedojn, femurojn, genuojn . . . oni depafos al li la orelojn, nazon . . . kaj nur la lastan kuglon, kiam la afero de morto kaj vivo iĝos por li jam tute *indiferenta*, oni enigos al li en kapon! Ĉu vi komprenas? Jen kia morto atendas la krimulon! — Kaj nun ek al la laboro!

Terura silento ekregis post la vortoj de la leŭtenanto. Sur la vizaĝo de la soldatoj pentriĝis konsterno. Malrapide, kvazaŭ retiriĝante ili sin movis direkte al la spiono ligita al arbo. La monstra psika eksperimento de la duonfreneza oficiro konsternis, sed samtempe scivoligis ilian maldelikatan animon. La ekzekutista taĉmento, tintigante la ŝtalon de ŝarĝitaj karabenoj, stariĝis en distanco de dek paŝoj de la ekzekutoto. La soldato Respondek ekgenuis antaŭ la delikvento, tenante en la dekstra mano kelkajn karabenajn kuglojn. La ceteraj soldatoj stariĝis duoncirkle en ioma distanco de la ekzekutloko, senparole observante kun alternaj timo, kolero kaj scivolemo. La soldatoj de la ekzekutista taĉmento vidigis nekutiman nervozecon: iliaj manoj tremis videble.

Nur la soldato Cielski estis miregige trankvila. En lia animo naskiĝis subite certa decido. Nur lia vizaĝo kovriĝis per morta paleco kaj la okuloj flamis kun febra brilo.

— Atenton! Pafpretigu la armilon! — sonis la komando de la oficiro. Ektintis la ŝtalo de la karabenoj, la tuboj ekbrilis en la suno. — Cel'!

La vango de l' soldatoj gluiĝis al la karabenkolboj. La dekdu karabentuboj turniĝis en unu direkton — je unu metro dekstren de la kapo de la delikvento. La malantaŭe starantaj soldatoj vidis, ke tiuj karabentuboj rimarkeble tremetas. Nur la karabeno de soldato Cielski ne tremis — ĝi senmoviĝis, ŝtoniĝis en la aero en unu senmova linio.

— Atenton!!

La mano de soldato Respondek leviĝis kun la entenataj kugloj . . .

— Unu . . . du . . . tri . . .

— Salvo!!!

Mallonga fajroekbrilo . . . mallonga, surdiga pafbruo . . . el la kverko proksima al la korpo de la delikvento ekŝutiĝis splitoj kaj krusto. . .

# LINGVO

## ANKORAŬ PRI IO-UJO

Estimata Sdo Butler! Vi sendis al ni artikolon pri la demando de *io-ujo*, kaj skribis ĉe la fino: „Mi esperas, ke ĉi tio ne estas tro longa.“ Tamen, la artikolo okupus en nia revuo pli ol kvin paĝojn, kaj kun mia respondo ĝi ampleksus la kvaronon de tuta numero. Pardonu nin, ni vere ne povas doni tiom da loko al lingva pritraktado en nia revuo precipe literatura. Sed aliflanke, estus maljuste senigi vin de la nepra rajto esprimi vian kontraŭopinion. Tiel — ni staras antaŭ vere malfacila dilemo.

Bonvolu nin helpi en nia malagrabla situacio per tio, ke vi deposte konsentos pri la solvo, kiun ni trovis, nome ke ni konigos vian artikolon kun abundaj citaĵoj. Ni citos precipe la plej debatajn kaj pikajn partojn.

La artikolo unue konigas la landnoman sistemon de Zamenhof, poste la historion de la io—ujo-milito. Tiuj partoj pritraktas faktojn aŭ konatajn, aŭ ne apartenantajn strikte al nia diskuto. Sekvas la cito de la opinioj de Zamenhof: *„Tiel longe, kiel ni uzas por Eŭropaj landoj nomojn de gentoj, ni devas ĉiam uzi tiujn nomojn kun la sufikso UJ ... Se (en tri apartaj okazoj) la Akademio trovas ĝin necesa anstataŭigi en ili la -UJ per I, mi tion ne malkonsilus; sed propravole escepton por tiuj tri regnoj mi ne konsilus. ... Oferi la ĝisnunan uzadon ... mi konsilus nur en tiu okazo, se nia Lingva Komitato tion postulus.“* Kaj aliloke: *„Se la L. K. malakceptos vian proponon, submetu vin discipline al ĝia decido, kaj ne agu simile al tiuj personoj, kiuj, ne ricevinte aprobon de la Komitato, krias, ke la Komitato nenion taŭgas, ke ĝi ne estas aŭtoritata, ke ĝi nenion faras, k. t. p. Ĉiun mature pripensitan kaj orde voĉdonitan decidon de la Komitato mi akceptos sendispute.“*

Tiuj du citaĵoj sendube pruvas la preferon de Z. al UJO. Sed tiutempe, kiam Z. skribis la suprajn liniojn, la situacio estis tute alia. Tiam temis pri individua propono, nun temas pri la uzado de pli ol duono de la esperantistaro. Tiam kontraŭ la L. K. staris unu persono, aŭ kelkaj personoj, nun staras miloj aŭ dekmiloj. Kaj en lingvaj demandoj la amasoj estas ĉiam pli fortaj ol iu ajn institucio. Neniu povas scii, kia estus *nun* la opinio de Z. Aŭ eble tamen ni povas scii? Ni citu la supran Z.-an diron kun iom da ŝanĝo: „Oferi la ĝisnunan uzadon mi konsilus nur en tiu okazo, se la esperantistaj *amasoj* tion postulus.“ Mi ne kredas, ke Z. rifuzus ĉi tiun diron.

Vi skribas: „Neniam eĉ unufoje Z. ŝanĝis UJ al I.“ Tio estas vera, sed ankaŭ mi asertis nenion tian. Mi diris nur, ke Z. derivis landnomojn el urb- aŭ rivernomo (Nigerio, Algerio,

---

La kugloj ĵetitaj per la mano de la soldato Respondek, ekbatis la bruston de la renegato.

...Ĉio okazis precize laŭ la plano...

Tamen... ne ĉio...

Ĉar jen, la korpo de la delikvento, kliniĝante subite antaŭen, ekpendis inerta sur la ŝnuroj; lia korpo ĉirkaŭvolvita per soldata ŝalo malsupreniĝis malrapide sur la bruston, kie, super lia koro, aperis ruĝa, rapide kreskanta makulo, el kiu ekfluis maldika fadeno de sango.

Ĉu estas eble, ke la soldato Respondek posedas tian manforton, ke li povas per ĵetataj karabenkugloj trabati la homan bruston kaj la kuglojn enigi en la koron?

— Kiu... kiu... kiu?!! — ekkriegis konsternite la furiozigita oficiro, alsaltinte al iu soldato el la ekzekutista taĉmento —, kiu pafis en lin, vi... hundoj?!!

Sed li ricevis nenian respondon je sia frenezula demando: li ne havis je tio tempon. Iu, kiu per poŝspegulեto donis signon, plenumis sian damnindan taskon: du eskadroj de germanaj bombaviadiloj aperis subite sur blua ĉielfono en vertikala linio super la arbara herbejo, super la loko de la ĵusa ekzekuto.

Dum konsterna bojado de la atakantaj bombaviadiloj kaj timkrioj de la disfuĝantaj soldatoj, ekfalis bomboj, portante morton kaj teruron, ekŝutiĝis la hajlo de kugloj...

Jen kial la oficiro ne povis jam ricevi respondon je sia furioza demando. La soldatoj diskuris en la arbaran densaĵon, kaj li, perdinte pro la bombeksplodo ambaŭ piedojn, kaj mortante en agonikonvulsioj, ĉesis interesiĝi, kiu estis tiel sendisciplina, ke li rompis lian ordonon kaj enpafis la kuglon en la koron de la renegato.

— — — — — — — — — — — — — —

Varma, serena, septembra nokto ĉirkaŭvolvis la lokon de la ekzekuto. Estis malplene kaj silente. Nur ĉe la malvarma, rigida kadavro de la mortigita spiono genuis, kiel ŝtona dolorstatuo, la soldato de la 9-a infanteria eksregimento — Jan Cielski, la frato de la fama violon-virtuozo, kaj liaj paliĝintaj lipoj flustris senvoĉe, senpense, aŭtomate:

— *Mi savis vin de la turmentoj, kiel fraton mi mortigis vin — kiel spionon.*

Meksikio, Tunisio), kaj en tiuj derivaĵoj evidente IO = Lando. Tute same oni povus diri *Svisio* (laŭ urbo Schwitz) kaj *Egiptio* (laŭ la rivero Aigyptos, greka nomo de Nilo). Kaj se Niger-lando estas Nigerio, kial Hungar-lando ne povus esti Hungario? Cetere ĉio ĉi tute ne havas decidigan signifon.

Vi ripetas, ke IO ne estas uzebla memstare en la senco „lando". „Neniu dirus: Mi loĝas en bela io!" Kaj mi respondas: „Neniu dirus: Mi loĝas en bela ujo!" Estas fakto, ke ujo memstare neniam signifas „lando", do *kiel sufikso de landnomoj* ne estas uzebla memstare. Cetere, ankaŭ „isto" estas uzata nur sufikse, kaj mi jam legis ie: „li ade laboris", sed ankaŭ tio estas almenaŭ nekutima. Krome, mi menciis, ke IO estas sufikse uzata en la paroj: logo-logio, grafo-grafio, ktp. Vi diras, ke ĉi tie temas nur pri oportuna mallongigo laŭ la formulo: iisto = o. Sed la gramatiko, kies tasko estas malkovri regulaĵojn en la lingvo kaj tiujn registri, nepre devas konstati, ke ĉi tie oni derivas la nomon de scienco el la nomo de scienculo per la sufikso -I. Tio estas fakto, kiun oni ne povas refuti. Kaj oni eĉ povas diri, ke ĉi tie temas pri „spirita regno": la astronomio estas la spirita regno de la astronomoj. La sencon de lando kaj de scienco oni do povas rekonduki al komuna bazo, almenaŭ tiom, kiom la du sencojn de ujo (entenilo kaj arbo) al la komuna bazo „kio tenas".

Via akuzo pri la bojkoto de la Fundamenta -ujo ne koncernas nin. Ni ne bojkotas uj-on, tion vi povas konstati, kaj pri tio, ke certaj lernolibroj tion faras, ni ne estas responsaj, ni eĉ decide malaprobas tion.

Vi malkonsentas mian diron, ke oni ne devas timi dialektojn. Poste — vi mem citas ekzemplojn pri tio, kiel fiaskis Sentis, de Saussure kaj aliaj kun siaj proponoj „en kiuj estis aferoj tute allogaj". Ĉu per tio vi ne pravigas min?

Vi skribas:

„Ĉu mi troigas, dirante, ke eĉ vi mem en L. M. iugrade forĝas propran dialekton, pro amaso de neologismoj? Mi estas simpla homo kaj nenia poligloto, mi scias nur la lingvon Anglan: legante poemon en Literatura Mondo mi do tuj kuras al mia Hungara — pardonu, Parnasa Gvidlibro, por deĉifri vortojn por mi nekompreneblajn; kaj lernas: *fajna* = ereta, ekstrakvalita, delikata, subita, eleganta; *pimpa* = maleleganta; *plumpa* = eleganta; *turpa* = malrapida; *lanta* = fiera; *pigra* = malrapida; *orgojla* = malbela (aŭ, ĉu mi intermiksas ilin?), kaj tuj poste mi forgesas ilin, ĉar tiuj vortoj signifas por mi precize nenion: al ili mankas elvokivo. Tamen pri tiaj vortoj mi ne volas ĉi tie diskuti. la argumentojn ambaŭflanke mi bone konas. Kaj malkonsentante mi tamen „toleras" — sed la poeziaĵojn plejparte mi rezignas deĉifri."

Nu, post la mara serpento de IO-UJO mi vere ne volus nun lasi libera en nia revuo alian maran serpenton, tiun de la neologisma problemo. Mi kontestas (pardonu!) nur tion, ke tiuj vortoj apartenas al *mia* dialekto. La plej grandan parton ni kolektis el vortaroj (ni: mi kaj mia *franca* amiko). Kaj la nova poeta generacio komencas ilin uzi *ĝenerale*, kaj ĝeneraleco kaj dialekto estas kontraŭdiraj inter si. Ili do ne estas vortoj dialektaj, sed vortoj de la poezia lingvo. Ĉiu lingvo havas tian poezian vortotrezoron, kaj Esperanto tiom pli devas ĝin havi, ĉar la komuna lingvo estas *intence* malriĉa je vortoj, kaj poezio *intence* vortmalriĉa estas neeblaĵo.

Koncerne la paralelan uzon de IO kaj UJO, vi unue koncedas, ke ankaŭ en la angla lingvo ekzistas diferencoj de lingvaĵo, de prononco. Ekzemple ĉe *margarine* la vortaroj postulas „ĝ", sed preskaŭ ĉiu diras „g", ankaŭ via edzino. »Pro tio la matenmanĝa interparolo povas fariĝi ridinda, eĉ embarasa. — Ĉu tio estas mar'ĝarin? — Jes, ĝi estas ma'rgarin! — Unu prononcas „vitamin", alia „vajtamajn".«

Mi povas al vi komuniki ankaŭ hungaran ekzemplon. En la regula, lerneja, literatura lingvo la sufikso „-ban" estas „en", kaj la sufikso „-ba" estas „en -n" (direkto), do: *házban* = en domo, *házba* = en domon. Tamen, en la komuna lingvo oni ne faras diferencon, en ambaŭ sencoj oni diras simple: *házba*. Nu, lastatempe, neniu scias kial, la budapeŝta popolo eksentis neceson de distingo. Sed — ili tion faras ĝuste male ol en la „regula" lingvo: ĉe ili *házba* = en domo, *házban* = en domon. Kaj tiu uzo komencas jam penetri eĉ en la gazetan lingvon. Ĉi tie, memoru, temas pri oftega lingvo-elemento, pli ofta ol la landnomoj!

Vi skribas:

„Ĉe vorto malofta tia interbatalado ne estas grava. Sed ĉe vortoj gravaj kaj konstante uzataj, kiaj la landnomoj, tia hezitado kaj interkorekto estas tute ĝena kaj malutila. Sur unu kovrilo de L. M. mi vidas *Hungario*, sur alia *Hungarujo*. Mi vidas la liston Austrio, Belgujo, Bulgario, Britujo, Francio, Danujo, Hungario, Italujo, Norvegio, Polujo, Portugalio, Svedujo... Eble pro la „toleremo" vi proksiman numeron skribos: Austrujo, Belgio, Bulgarujo, Britio, Francujo ktp. Sed kian teruran impreson pri lingvo faras tia ĥaoso sur la menson de leganto — kaj kion li konkludos pri la stato de la lingvo?"

Nu, li konkludos la veran staton, ke nome la esperantistoj dividiĝas en io-anojn kaj ujo-anojn. En tiu listo de reprezentantoj ni uzas jen ĉi tiun, jen tiun formon ne el kaprico: ni simple lasas senŝanĝa la adreson senditan de la reprezentantoj, konforme al nia principo: „neniam ŝanĝi en la tekstoj -ion je -ujo, nek reciproke". Kaj se vi malaprobas tiun toleremon, tion mi vere bedaŭras, ĉar nenion bezonas la mondo pli arde ol toleremon. Kaj tio validas ankaŭ pri jenaj viaj vortoj:

# OBSERVO

## Santayana

Santayana estas unu el la kolonoj de la amerika idealista filozofio. Jen antaŭ mi liaj du libroj: aŭtobiografio kaj vasta pritrakto de lia filozofia sistemo (Persons and Places. The Background of my Life; Realms of Being.) Ambaŭ libroj aperis dum la dua mondmilito. Sed, strange, en la du verkoj eĉ unu frazo, eĉ unu vorto ne aludas pri tiu mondkatastrofo. La mondbrulego, la decido pri la sorto de la moderna civilizacio, la titana fortostreĉo de popoloj por defendo de la libereco, por ellukto de sendependo kaj de rajto por vivi — ĉio ĉi eĉ pretere ne estas tuŝita en la du verkoj de Santayana.

„Eskapistoj“ oni nomis en la anglosaksaj landoj tiujn literaturistojn, kies romanoj predikis dum la milito la eviton la rifuĝon de la batalo kontraŭ la faŝismo. Nu, la filozofio de Santayana estas ĉefverko de tiu eskapismo; jes, ĝi estas eskapismo kiel sistemo, kiel mondkoncepto. „Neniam mi pensis pri tio — li skribis —, ke mi naĝu kontraŭ ia ajn fluo. Mi nur staris sur la bordo, aŭ plaŭdetis en iu kvieta golfo. De tie mi povis bone observi, kiel la rapida fluo kuntrenas la rubojn de ĉi tiu aŭ tiu rompita ŝipo.“ La batalo kaj sufero de la homo por li estas nur spektaklo, kiu lasas lin indiferenta.

Santayana malestimas la mondon, ĉar ĝi estas plena de novaj, estiĝantaj aferoj, kiuj nerezisteble rompas al si la vojon inter la ruinoj de la malnova, mortanta mondo. Fortaj fadenoj lin ligas al la kadukaj tradicioj, al la historiaj rudimentoj. „Mi amas la tory Anglujon kaj la konservativan Hispanujon“, li konfesas. Li amas nek la liberalulojn, nek la progresulojn, kaj despli li malamas la revoluciulojn. Ĉiuj ĉi havas la saman idealon: prosperon, feliĉan vivon. La riĉuloj klopodas konservi kaj plimultigi sian havaĵon, la malriĉuloj klopodas akiri tian. Ĉe unuj tiu idealo havas karakteron de vivĝojo, ĉe aliaj miksiĝas al ĝi iom da acida kromgusto. „Ĉi tio donas diversajn nuancojn al iliaj prosper-idealoj. Sed la fina idealo, tiel de l' unuj, kiel de l' aliaj, restas tamen la prospero.“ En ĉi tiu elekto de la idealo kaŝiĝas la eraro de l' riĉuloj same, kiel de l' malriĉuloj. Santayana dezirus forkonduki de tiu erarvojo kaj la unujn kaj la aliajn, sed tiel, ke por la riĉuloj li lasus ilian riĉon, kaj por la malriĉuloj li lasus ilian mizeron.

Li volas konvinki sian leganton pri tio, ke nenia socia aranĝo, nenia ekonomia prospero, nenia libero, demokratio, sociala justo povas feliĉigi la homon; pro tio havas nenian sencon, ke la homoj batalu por tiuj bonoj kaj klopodu ilin akiri. La feliĉo de la homo ne dependas de la socia sistemo. Ĉio do restu tia, kia ĝi estis: oni lasu al la riĉuloj ilian riĉon kaj al la malriĉuloj ilian acidecon. Neniu klopodu ŝanĝi, reformi la socion; la tuta socia vivo kaj lukto estas nur malagrabla, malbela spektaklo. Al la „falsa oro“ de la socialaj idealoj li kontraŭstarigas sian propran „idealon“: tiun vivon, kiu estas nenio krom „pasema muziko de ideoj, drama spek-

---

„Kiam oni parolas al mi en Esperanto, mi sentas: „Jen mia mano, samideano!“ Sed kiam mi aŭdas *Anglio, Danio,* tio kvazaŭ donas al mi vipobaton sur la vizaĝon. Mi tuj sentas: „Ha, malsamideano! Eble komunisto. Verŝajne ateisto. Ĉiuokaze ne esperantisto lojala.“ Kaj tuj forflugas la sento de samideaneco. Ni uzu la saman Esperanton kiel lingvon neŭtralan, komunan al ĉiuj, kaj ni ne kreu en ĝi dialektojn politikajn.“

Mi kredas, ke la samideaneco ne dependas de la uzo de tiu aŭ alia formo, sed de la konfeso de tiu aŭ alia *ideo*. Kaj se iu esperantisto, eĉ komunisto, eĉ ateisto, strebas por interpopola kompreno, batalas kontraŭ subpremo, rasmalamo, faŝismo — tiun esperantiston povas kaj devas akcepti samideane ĉiu honesta demokrato, multege pli ol ujo-uzantan faŝiston. Oni devas adori Dion ne en vortoj, sed en animo kaj vero.

Vi rakontas ankoraŭ, ke grava registara persono, iam eklerninta Esperanton, perdis la fidon pri la stabileco de Esperanto pro -io, kaj rifuzis subteni la lingvon. Mi estus al li dirinta: Vidu, nenio pli pruvas la stabilecon de Esperanto ol la io-afero. Dum sesdek jaroj unu sola ŝanĝo estiĝis en la lingvo, kaj pri ĝi jam de kvaroncentjaro daŭras batalo eĉ nun ne decidita.

En unu afero vi estas prava: fakte, „kiu povas scii, ke en *Bolivio* loĝas ne *Bolivoj*, sed *Bolivianoj;* sed en *Bulgario* loĝas ne *Bulgarianoj*, sed *Bulgaroj?*“ Estas vere, ke per la uzo de -ujo ni povas distingi la landojn derivitajn el popolnomo disde la landoj, el kies nomo oni derivas la popolnomon per -ano. Sed ne kredu, ke la uzo de -ujo tute eliminas la erarojn. En la Berna kongreso mi ofte aŭdis (de ujo-uzantoj!) la vortojn: *svisano, francano, belgano;* ties kaŭzo estas certe, ke en la plej multaj lingvoj tiuj popolnomoj estas derivitaj el la landnomo. Vi diros, ke tiuj homoj ne sciis bone Esperanton. Sed — kiu *bone* scias, tiu certe ne parolos pri argentinoj, bolivoj kaj kanadoj.

Cetere, ĉe rapida trarigardo mi trovis, krom la landnomoj derivitaj el urb- aŭ river-nomoj, entute nur sep tiajn, kiuj finiĝas per -io, kaj ne deriviĝas el popolnomoj, sed devenas el person-nomoj aŭ estas radikvortoj. Tio ebligas fari ne tre komplikan sistemon, kiu forigas ĉian konfuzon. Jen la sistemo:

laklo, subjekto de dialektikaj impresoj kaj ridiga temo".

La lukto de la amasoj por vivo inda al homo, kaj kontraŭ la ekonomia kaj spirita sklaveco do estas por Santayana sole „subjekto de dialektikaj impresoj kaj ridiga temo". La demonstracio de senlaboruloj, la linĉado de iu negro estas por li nur bruo, kiu penetras de la strato en lian laborĉambron kaj ĝenas la harmonion de la „pasema muziko de l' ideoj".

Santayana scias, ke la nuna mondo estas areno de titana batalo inter la fortoj de l' progreso kaj reakcio. Kaj li alvokas la intelektulojn, ke ili stariĝu flanken, sin kaŝu, kaj pasigu sian tempon per estetika domeno-ludo. Dum la kontraŭfaŝisma milito li predikis, ke oni povas ĉion pravigi, oni povas ĉion trakti tolereme, kaj kontraŭ nenio oni devas ion fari. Li alvokis siajn legantojn, ke ili „vidu ambaŭ flankojn, sed neniun subtenu, por ke ili resumu idee tiujn ambaŭ, prikantu tiujn ambaŭ". Li deklaris, ke ĉiu vivoformo havas sian perfektecon, kiun kondamni estus stulte. Kaj tiamaniere — la kantisto de la senpartieco kaj senpolitikeco kantis pri la tolero de l' faŝismo, pri la cedemo al la malbono. „Najtingalo, mi aŭdas la bruon de viaj hufoj — diris Heinrich Heine al tiaj kantistoj.

Cetere — Santayana sin rigardas materialisto. „Intelekte — li skribas —, mi estas materialisto konvinkiĝinta. En mia pensado ne ekzistas kontraŭdiro inter la materialista kaj la platona, eĉ hinda animkonstituo." Li ŝajnigas, ke li estas materialisto en la fiziko kaj idealisto en la metafiziko, kaj tamen li deklaras, ke la „ekzisto" estas io duagrada rilate al la „esenco". La spirito de lia materialismo plej trafe esprimiĝas en jena lia formulo: „Pensu kaj agu tiel, kvazaŭ la materia mondo ekzistus, sed eĉ por momento ne rekonu, ke ĝi vere ekzistas." Kaj li tute malkaŝe predikas la malraciismon, la malestimon kontraŭ la homa intelekto kaj la sienco. En la „Imperio de la Vero" li klopodas pruvi, ke estas nura iluzio, ke la sciencaj ideoj povas malkovri la veran internan esencon de la realaĵo. Kaj en la „Imperio de la Spirito" li kontraŭmetas al la scienca pensado sian filozofian idealon: „La lasta fazo de la spirita evoluo estas la observo de la pura ekzisto." Se la logiko, kaj la scienco baziĝanta sur la logiko, estas nur arbitraj konstruaĵoj de la spirito, „tiam la veron kaj la fiktivon oni povas rigardi unu kaj la sama, tiam oni povas ignori la diferencon inter ili"; la unu kaj la alia estas nur diversaj manifestiĝoj de la intelekta ludo.

Ne mirinde, ke tia jonglisto de vortoj kaj konceptoj alvenas fine al la misfama faŝista koncepto de la mito-kreo. Laŭ li la tuta historio de la socia pensado estas nenio alia, ol alternado de mitoj. „Se la mitaj sistemoj fine komencas dekadenci, tio okazas ne tial, ke la spekulativa eraro kaŝiĝanta en ili estas neakceptebla, sed simple tial, ke la fantazio, uzante sian liberecon, turnas la dorson al tiuj eraroj por serĉi erarojn aliajn; simple tial, ke la anima inklino de la homoj ŝanĝiĝas, kaj ili komencas fantazii en alia »tonaleco«." Jen kiel konata melodio el la motivoj de Pareto-

---

I. Ĝenerale, el la landnomoj finiĝantaj per -io, tute same kiel ĉe -ujo, per la forigo de la sufikso oni ricevas popolnomon.

II. Tiu regulo tamen ne estas valida:

1. Ĉe tri landnomoj derivitaj el urbnomoj (Alĝerio, Meksikio, Tunisio).

2. Ĉe du landnomoj derivitaj el rivernomoj (Nigerio, Transjordanio).

3. Ĉe tri landnomoj derivitaj el personnomoj (Bolivio, Kolumbio, Rodezio).

4. Ĉe kvar landnomoj, ĉe kiuj -io estas apartenaĵo de la radiko (Haitio, Liberio, Libio, Nubio).

III. Ĉe ĉiuj ceteraj landnomoj, ne derivitaj el popolnomoj, oni ne uzu -io (Kanado, *Ukrajno, Jemeno, Heĝaso,* Brazilo, Ĉilo, *Palestino,* Eritreo, *Irano, Irako, Vietnamo, Burmo,* Peruo, Kostariko, Sandomingo, *Sanmarino, Monako* ktp.).

Certe ĉi tiu sistemo enhavas esceptojn, sed tiuj estas plejparte tiel evidentaj, ke oni adaptiĝas al ili preskaŭ aŭtomate. (Kiel oni supre vidas, ankaŭ en la „Malnova Kontinento" ekzistas landnomoj ne derivceblaj per -ujo, do ankaŭ la Zamenhofa sistemo ne estas senescepta.) Sensciuloj komprenebIe ĉiam eraros, pri ili oni ne povas helpi. Kiuj diras „Kanadio", tiujn nenio malhelpos diri ankaŭ „Kanadujo".

Vi skribas: „Vi ŝajne konjektas, ke se oni estus libera, oni nepre elektus -io, anstataŭ -ujo. Sed tio ne estas vera." Nu, vere mi konjektas ion tian. Sed ni ne diskutu pri konjektoj. Anstataŭe mi proponas, ke ni faru provon. Ĉesigu, vi kaj ĉiuj nepraj ujo-anoj la propagandon, malaprobon, bojkoton kontraŭ -io, kaj lasu al la afero liberan marŝon. Ni restos plene neŭtralaj laŭ la principo: neniam ŝanĝi en la tekstoj -ujon je -io, nek reciproke. Poste ni vidos, kio okazos. Se en L. M. venkos la ujo-anoj, mi obeeme klinos min antaŭ la rezulto de tiu voĉdono.

Ankoraŭ unufoje mi petas vin pri pardono, ke mi ne povis publiki senmanke vian artikolon, sed certe vi rekonos, ke mi ne povis agi alie. Estis agrable interdiskuti, eĉ se ni ne konvinkis nin reciproke. Mi esperas ankoraŭ, ke mi estis fidela interpretanto de viaj argumentoj, kaj nenion ellasis por fari al mi pli facila la diskuton. Almenaŭ tio ne estis mia intenco.

Kun (se vi akceptas) samideanaj salutoj, *K. Kalocsay*

Sorel-Mussolini-Rosenberg! Ĝia ekscita variaĵo estas la „Mito de la XX. Centjaro", la „mito de raso kaj sango". En la verkoj de Santayana ni reaŭdas ĉi tiun faŝistan melodion, sed nun — en amerika tonaleco.

La esenco de la filozofio de Santayana estas identa kun la gvidmotivo de lia aŭtobiografio: batalo kontraŭ la progreso, sed kiu estas kaŝata per sinteno de senpasia observado. La socio „estas inda por tio, ke ni ĝin observu atente, sed ĝi ne estas inda por tio, ke ni ĝin servu". Batali por pli bona mondo? „Sed la animo ja havas krom febrosonĝoj nenian alian materialon aŭ rimedon por konstrui mondon pli bonan."

La esenco de la filozofio de Santayana estas: se la Racio postulas la ŝanĝon de tiu ekonomia sistemo, kiu alportis la absurdon de la abund-naskita mizero, nu, des pli malbone — por la Racio, ni turnu nin for de ĝi, al la Mito, kiu allasas ĉion absurdan; se la ekonomia sistemo ne povas, malgraŭ la ekstrema produkt-kapablo, ĉesigi la mizeron, nu, oni turnu sin for de tiaj teraj bagateloj, al lumaj esoteraĵoj. Ne gravas la mizero, la milito, la sorto de la homaro, gravas nur la filozofo, al kiu ĉio ĉi prezentas interesan spektaklon, kiun li rigardas malvarme, kun konsterna indiferento. Tiu filozofo, tiu saĝulo ne havas por ni konsilon, li estas nur kantisto de la okazaĵoj, jes, najtingalo de la monopol-kapitalo.

Ni pesis Santayanan, kaj ni trovis lin malpeza. Malpeza, kiel venena gaso. *U. S.*

### Kion rakontas la leteroj pri princo Eŭgeno?

La plej juna frato de la sveda reĝo, la jus mortinta 82-jara princo Eŭgeno, eternigis sian nomon ne nur kiel unu el la plej atendindaj kaj plej seriozaj svedaj artpentristoj. La demokratia penso kaj la klara humanismo pure brilas ĉe la tri skandinavaj dinastioj. Sed tiu gloro kaj lumo, kiu radias el la memoro de la pentrist-princo, estas eble eĉ pli brila, eĉ pli konkreta, ol la gloro apartenanta ĝenerale al ili. Kiam princo Eŭgeno komencis sian karieron, li rigardis sian situacion obstaklo kaj ne favoro. Li sciis bone, ke lia princeco finfine ne povas helpi lin por atingi la celitajn artistajn celojn; sed li kapablis batali, kaj komencante per la nenie konata kaj perfekte „inkognita" nomo Oscarsson — sub tiu nomo li ekspoziciis sian unuan bildon — iom post iom li atingis la plej altan kaj tute publikan estimon, kiel artisto, kiel malavara subtenanto de siaj kolegoj, unuavice de siaj plej junaj kolegoj, kiel homo, kaj ne lastvice kiel radikala liberpensulo, kiel klarvida kaj sincere sin esprimanta batalanto de la vera kulturo.

Princo Eŭgeno estis diligenta leterskribanto kaj liaj leteroj aperis en du vastaj volumoj en Svedlando. Ambaŭ tiuj volumoj reprezentas grandan valoron, kiel homa kaj kulturhistoria dokumento, sed la dua volumo, aperinta en 1945, preskaŭ duonjaron antaŭ la fino de la milito, estas al ni eksterordinare interesa kaj aktuala. Tiuj leteroj okupas sin pri arto, pri personoj, sociaj kaj politikaj problemoj, pri libroj kaj homoj. Se ni decidas elekti niajn citaĵojn el tiuj leteroj, kiuj okupas sin pri la evoluo de la socio kaj speciale pri la nacismo, nin surprizas la rekta kaj ne-marĉandema radikalismo de tiu princo, kiu uzis sian pozician favoron por serioziĝi kaj pliprofundigi siajn sciojn.

Unu el liaj leteroj, skribita en 1932, diras laŭvorte la jenajn: *„Inter la nunaj kaosaj cirkonstantoj oni demandas sin, ĉu nia produkto- kaj monsistemo ankoraŭ ne finservis, ĉu la varserĉo kaj propono ankoraŭ same regulas la produkton, kiel ĝis nun? Oni staras antaŭ la demando, kiom ni devas valorigi el la principoj de la socialismo, jes, kiel longe ni devas iri al la direkto de la komunismo por trovi la solvon, aŭ almenaŭ la vojon, kiu gvidas el la kaoso al socie pli akceptebla organizsistemo.“*

Princo Eŭgeno estis jam frue akra mlaamiko de la hitlerismo kaj faŝismo. El tiu kastelo Waldemarudden (kie li gastigis preskaŭ ĉiujn konatajn svedajn artistojn kaj la tutan svedan eliton, kaj kiun li nun testamentis al la sveda ŝtato) li skribis en 1933 al unu el siaj amikoj: „Vi skribas... ke laŭ viaj esperoj vi havos agrablan vojaĝon en Germanio — malgraŭ la Hitler-sistemo... Mi malamas tiun pensmanieron, kies esprimanto estas tiu sistemo kaj tute neas, ke oni bezonis tion... Mi ne volas serĉi senkulpigojn kaj klarigojn por la perforto kaj senrajtigoj. *Mi ne kredas, ke la celo senlime sanktigas la rimedon.* ... Estas plezurige, ke mi povis malpezigi mian koron al iu."

Ni ne forgesu, ke tiuj vortoj estis skribitaj en 1933, kiam en multaj landoj ne malmultaj diligente riverencis al la „Fürer".

Sekvante tiujn leterojn el la antaŭmilita jardeko, ni forgesas unue, ke tiu, kiu skribis la leterojn, estis tiam ĉ. 70-jara maljunulo, kaj iom post iom tute malaperas el nia konscio la fakto, ke tia persono korespondis per tiuj paĝoj, kiu laŭ sia naskiĝo kaj socia pozicio almenaŭ iomete, kvazaŭ-kontrakte kaj tradicie, devus esti konservativulo. El tio ni trovas nenion.

Kiam en 1937 la Nobel-premion de paco oni volis donaci al Ossietzky, kiu tiam suferadis en la karcero de Hitler, la diktatoro ekfuriozis pro la decido kaj malpermesis al la germanaj distingitoj akcepti la Nobel-premion. Sven Hedin, la orient-azia vojaĝisto, publike defendis la germanan agon — ankaŭ poste li estis germanamiko —; sed princo Eŭgeno ankaŭ tiam ne faras sekreton el sia opinio: „Vi diras, ke Ossietzky estas obskura pacapostolo. Li certe ne estas nomebla „obskura", se pro liaj pac-artikoloj oni enkarcerigis lin."

Post München, la 1-an de okt. 1938 li skribas jene al la plej akra kaj plej talenta malamiko de la nacismo, al redaktoro Segerstedt: „Mi turnas min speciale akre kontraŭ la „dankpreĝoj" pro la münchena paco — iu ĵus venis el la preĝejo —, estas ja vero, ke la situacio nun estas pli facila, ĉar ne estiĝis milito, sed min furiozigas tio, ke oni volas nin igi danki, ĉar ni liberiĝis de la milito je la kosto de la malfeliĉo de alia lando. Kaj kia malfeliĉo... Chamberlain simple ne estis intertraktanto, sed peranto de la hitleraj kondiĉoj al Praha... Kontraŭ tia homo, kia Hitler, oni devas pugne bati la tablon kaj krude paroli, tion li pli bone komprenus, ol la ĝentilan konversacion kaj erudician sintenon... Nun la perforto diktas kaj tiel estos ankaŭ en la estonto, *spite ĉiun senvaloran promesadon*." (La kursivigo estas de mi. *F. Sz.*)

Samtone estas skribitaj multaj aliaj leteroj. La lasta letero, aperinta en la dua volumo, estas el 1940. Estis mallumaj tempoj. La milito jam tie fulmotondris ĉirkaŭ Svedlando. Neniu sciis, kiam la nacistaj botoj ekmarŝos sur la libera tero de la svedoj. Estis miraklo, kio okazis, miraklo, kiun konsciaj kaj bonŝancaj agoj helpis. Sed princo Eŭgeno ankoraŭ ne povis scii tiam, ke lia lando evitos la militon, kiam li skribis jene:

„Ho, se mi ankoraŭ dum iom da tempo povus kolekti miajn amikojn kaj sampensulojn ĉi tie, en ne-bombita Waldemarsudde. Sed se ne estus tiel feliĉe, eĉ tiam ni havos lokon en iu kelo, kie — kaj tion mi scias certe — niaj revoluciaj pensoj sufiĉos por altigi la malaltan tegmenton."

75 jarojn havis la princo tiam, sed en tiuj linioj ni trovas parencan tonon al iu letero, kiun li skribis 51 jarojn antaŭ tiu letero pri sia norvegia restado en iu kampula domo, kiun li luis (supozeble inkognite):

„Ni fartis bonege. Ĉio ja estas kampula, sed nia ĉambro estas tamen tre bona, kvankam ni devis fari tablojn el niaj kofroj."

La memoro de princo Eŭgeno ne estas princa memoro, dankebla nur al la naska pozicio, sed bela kaj granda homa memoro. *F. Szilágyi*

*SOMERSET MAUGHAM: SUR AKRO DE RAZILO.* La heroo de la romano estas Usona junulo, kiu ne povas adaptiĝi al la kapitalista mondo. Li ne trovas sian lokon en la burĝa medio, lin ne interesas la negoco, ne kontentigas la profit-akaparo. Lia financino, amikaro, parencaro staras fremdaj kontraŭ li. La simpatia junulo do formigras el sia lando, venas al Hindujo, kaj tie fariĝas disĉiplo de jogio. En mistika saĝumado li pasigas kelkajn jarojn. Kaj dum tiu disĉiplo-tempo li lernas, kio estas la vera feliĉo. Li reiras al Ameriko, kaj rezigninte pri havo, rango, sukceso, li vivas tie plu kiel taksi-ŝoforo. Tiel li trovas la sencon de sia vivo en la beata rezignacio.

Maugham estas tre bona verkisto. Per sia elstara rakontotekniko li igas vere distropova kaj atentostreĉa la priskribon de la aventuraj vagadoj de l' brava junulo, kaj kun delikata humoro prezentas al ni amerikajn tipojn. Sed al tiuj teknikaj kaj stilaj valoroj krie kontrastas la idea enhavo, la konkludo de la romano: la glorigo de la rezignacio, la taksi-ŝofora nirvano. Vere, la hinda mistikismo plenumas tie ĉi tre utilan funkcion: ĝi defendas la interesojn de la monopol-kapitalo kiel fulmoforigilo de la malkontento. Oni ne povas ne moki pri tiu solvo: de kiam mi legis la libron, mi ĉiam demandas al mi vidante taksiŝoforon: kiom da jaroj li pasigis en Hindujo.

Kaj estas rimarkinde, kiel la malreala direnhavo malaltigas la nivelon eĉ de tia rakontartisto, kia Maugham. Dum en la priskribo de la amerika burĝa mondo li donas tre bonajn, eĉ brilajn paĝojn de ironia kritiko, la koketado kun la hinda mistiko jam estas nura kiĉo, kaj la mensoga enhavo kondukas ankaŭ al laŭforma platiĝo de la romano. Vere, estus dezirinde, ke Maugham metu sian rakontistan talenton en la servon de pli altrangaj artaj kaj ideaj celoj. *T. S.*

*PRI „LA LEĜO" DE THOMAS MANN.* En sia plej nova libro: La Leĝo, Thomas Mann prezentas la figuron de demokrata gvidanto. La faŝista gvidanto estas antidemokrata „heroo": superhoma individuo, kiun ne koncernas la reguloj de la moralo kaj leĝo, kaj ankaŭ sian popolon li povas liberigi el sub leĝoj kaj kontraktoj. Li dankas sian potencon precipe al la „magia" individueco, kaj impresas la popolon ĉefe per siaj frazoj, kiuj parolas ne al la intelekto, sed al la latentaj malraciaj instinktoj; efikas ne per la dir-enhavo, sed per la ekstaza prezent-maniero.

En „La Leĝo" la demokrata gvidanto, prezentita per Moseo, neniel similas al la faŝista Ĉefĉefo; li estas kulturita, elstara individuo, atinginta la kulminon de la siatempa kulturo kaj kondukata de moralaj principoj en ĉiu sia ago. Li efikas al la amasoj ne per magiaj rimedoj, sed per tio, ke li ĉiam trovas eliran vojon el malfacilaj situacioj. Sian influon do li dankas ne al sia malracia kaj mistika naturo, sed al siaj elstaraj kvalitoj intelektaj kaj moralaj. Kun aparta artismo Thomas Mann figuras la racistan Moseon, kiu aranĝas eĉ la bibliajn miraklojn kun prudenta konsideremo, ĉar li trovas ilin necesaj por la eduko de la popolo. La kvardek tagojn pasigitajn sur la monto Moseo uzas ne por asketismo, sed por tio, ke li pridonacu sian popolon per la kulturo (skribo) kaj per la fundamentaj elementoj de la moralo. Kiel facile estus formi el Moseo ekstazan profeton! Sed Thomas Mann vidas en Moseo racian, pripenseman, humanistan popol-gvidanton, idealan figuron de demokrata gvidestro. *G. N.*

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca*, 5 rue Savorgnan de Brazza.

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3. Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO:* Internacia Esperanto Ligo, *Heronsgate*, Rickmansworth.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Graf Ignatiev 2.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Jeel Vilkki, *Somero*.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Bleier Béla, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto n-ro 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.

*NEDERLANDO:* A. C. van Ingen, *Rotterdam*, .W Buytewechstr. 128 c.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, 11 Listopada 22. T. O. Z.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa. Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casale Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19. Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New-York* 11. 114 West 16-th Street.



## Literatura Mondo

bezonas ankaŭ vian helpon. Se vi volas, ke ekde 1948 ni aperu monate, akiru nur unu abonanton al nia revuo. Se ĉiu abonanto akiras nur unu plian abonanton, nia monata apero estos certigita. Ni esperas ricevi ankaŭ vian helpon!

**La eldonejo.**

## Riceveblaj malnovaj numeroj de Literatura Mondo

STATO 1 APRILO 1947

| | | |
|---|---|---|
| 1922. | Nroj: | 2, 3 |
| 1923. | „ | 1, 3, 5 |
| 1926. | „ | 1 |
| 1931. | „ | 8, 9, 10 |
| 1932. | „ | 3, 5, 7-8, 9, 10 |
| 1933. | „ | 2-3, 4, 5, 6, 7, 8, 9, 10, 11, 12 |
| 1934. | „ | 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 9 |
| 1935. | „ | 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7-8, 10 |
| 1936. | „ | 2, 3, 4, 5, 6, 7 |
| 1937. | „ | 1, 2, 3, 5, 6 |
| 1938. | „ | 1, 2 |

*Prezo por ekzemplero 0·25 USA dol. Duobla numero duobla prezo*



Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli (Bleier) Béla. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — Nyomdavezető: Urbán Gyula